19-jaro N-ro 4 (202) Julio-Dec. 1933

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.

## AL LA LEGANTOJ.

Pro kaŭzoj nedependaj de nia bona volo, nia revuo ne aperis dum la lastaj monatoj, kaj ni estas devigataj kunigi ĉiun necesan materialon pri 1933 en ĉi tiu kajero.

La Estraro kaj la Komitato de Belga Ligo Esperantista dum siaj lastaj kunvenoj ekzamenis la situacion kaj decidis ŝanĝi la formaton de nia revuo. Sin adaptante al la cirkonstancoj kreitaj pro la rezolucioj de la 25a Universala Kongreso, rilataj al la reorganizo de la ĝenerala movdo, nia gazeto adoptos de 1934 la dimensiojn de la internacia revuo « Esperanto » de U.E.A., kun kiu ĝi povos do esti kunbindata. La enhavo mem estos malpli ampleksa ol ĝis nun, sed la aperado estos regula. Ĉu la eldonaĵo iĝos pli granda, tio dependos de la Esperantistoj mem: ju pli multe da propagando ili entreprenos, des pli granda estos nia membraro, sekve, des pli enhavoriĉa estos nia gazeto. Nia nova formato estos tia, ke ĝi plej facile povos konformiĝi al la iom-post-ioma progresado de nia Ligo.

Ni petas nun la subtenon ĉiurilatan de ĉiuj samideanoj en nia lando!

Nia revuo estos la spegulo de ilia laboro.

Kun fido antaŭen, rigardante kuraĝe la estontecon! B. E.

## LA KOTIZOJ POR 1934

Laŭ la Interkonsento de Kolonjo, ĉiu membro de Belga Ligo Esperantista de nun estas Membro simpla de UEA, se li pagas la ordinaran ĝisnunan kotizon de Fr. 30.—, por kiu li ricevas novan membrokarton kun servokuponaro de UEA kaj la abonon al « Belga Esperantisto ».

B.L.E. traktis kun UEA pri la kotizoj de la aliaj kategorioj de membroj en Belgujo kaj estas feliĉa, ke ĝi povas anonci, ke nia granda universala Asocio konsentis konservi la ĝisnunajn favorkondiĉojn por niaj anoj. Nia flanke ni povis eĉ aranĝi, ke la membroj kun Jarlibro kaj la membroj-subtenantoj ĝuas ankoraŭ malgrandan redukton de la kunigitaj kotizoj.

Membro, kiu deziras ricevi la Jarlibron de UEA, belan kaj interesan volumon kiu permesas uzi vere praktike la servojn de Esperanto, pagas entute

nur Fr. 45,— kaj, se plie li deziras ricevi la gazeton « Esperanto » de UEA li pagas entute Fr. 70,—. Tiuj du lastaj kategorioj de membroj ricevas belan premion (vidu la liston, kiu aperis en la Speciala numero de « Esperanto »), se ili pagas sian kotizon antaŭ la 1a de Marto 1934.

La Membro-Subtenanto pagas nun Fr. 200,— kaj ricevas plie specialan valoran premion. Fine la dumvivaj membroj pagas Fr. 2500,—.

Ni opinias, ke estas nenecese, insisti pri la fakto, ke dezirinde estus, ke ĉiuj konsciaj Esperantistoj estu almenaŭ membro kun jarlibro. Por malgranda aldono de Fr. 15,— al la kotizo de simpla membro ili sin sentos vere membro de la granda familio Esperantista tutmonda; tiu kiu ne posedas la Jarlibron ja ne havas ligilon kun la aliurbaj kaj alilandaj Esperantistoj, kies helpon li morgaŭ eble bezonos.

Oni sendu ĉiujn kotizojn al la loka grupo de B.L.E. aŭ al la poŝtĉeko n-ro 1337.67 de Belgo Ligo Esperantista. Ne forgesu plenigi kaj havigi al ni la aliĝilon de la speciala numero de « Esperanto » kiun ĉiuj membroj de UEA kaj BLE ricevis. Sed faru tuj, almenaŭ antaŭ la 1a de Marto por ne perdi vian premion, kiu plene redonas al vi la valoron de la aldona kotizo.

## KOLONJO, 29 Julio --- 5 Aŭgusto 1933.

## 25a Universala Kongreso de Esperanto.

Tre certe niaj legantoj jam legis detalojn pri la lastokazinta universala Kongreso en Kolonjo. Ni tamen ne povas preterlasi, noti la gravajn faktojn el tiu ĉiujara monda manifestacio de Esperanto.

Pro la regantaj cirkonstancoj, la kongreso estis pli malmulte vizitata ol kutime. El la milo da enskribitoj venis proksimume ok cent. Mankis en ĝi multe da konataj vizaĝoj. Malgraŭ tio, ke niaj amikoj de Kolonjo speciale kaj de Germanujo ĝenerale, faris ĉion eblan por agrabligi la restadon de la alilandaj samideanoj, dediĉis la plej bonan el si por kiom eble plivarmigi la atmosferon, ni tamen devas konfesi, ke Jubilea kongreso de Esperanto en la koro de Eŭropo estus devinta esti io tute alia. Neniu estas kulpa pri tio, sed estis fakto.

La loĝantaro de la kongresurbo gastame traktis nin, sed ni ne povas diri, ke ni spertis la kutiman akcepton flanke de la aŭtoritatoj. Estas ja, mi supozas almenaŭ, la unua universala kongreso kiu ne ĝuis oficialan akcepton de la publikaj Estraroj.

La solena malfermo okazis en la mezepoka urba festodomo « Gürzenich ». Ĝin prezidis S-ro A. Behrendt, gvidanto de la Germana Esperanto-Asocio, kiu ankaŭ faris la festparoladon. Ni ĉeestis la tradician programon. Sinjoro Ĉefurbestro de Kolonjo salutis la eksterlandajn partoprenantojn kaj speciale atentigis ilin pri la lastaj okazintaĵoj en la kongreslando Je la nomo de la oficialaj eksterlandaj reprezentantoj salutis la belga Konsulo, dekano de la konsularo en Kolonjo. S-ro Schoofs estis nomata inter la vicprezidantoj de la Kongresa estraro kaj S-ro Morris De Ketelaere eldiris la saluton je la nomo de la belgaj esperantistoj.

Inter la distrigaj punktoj de la programo ni devas noti tre movoplenan inter konatiĝan vesperon en la Rejn-restoracio apud la kongresejo kiu estis lokita en la grandegaj halegoj de la fama ekspoziciejo « Pressa ». tiom grandegaj ke ili timigas; al la vizitantoj ili ja donas tiun impreson pri perditeco..., kaj vere por ili nia kongreso estis tro malgranda... Tamen la ĉambroj mem, kiujn okupis la kongreso estis tre agrablaj kaj freŝaj.

La kongresanoj ankaŭ multe ĝuis la Literaturan vesperon, du prezentadojn de filmoj: de S-ro J. Ravestein pri la 24a Kongreso en Parizo, kaj de S-ro Einar Dahl pri la estonta Kongresurbo Stockholm, surprizan vojaĝon sur la Rejno por la 510 unuaj kongresanoj, senceremonian kunvenon ĉe la grupo de Kolonjo-Bickendorf, Ĝardenfeston de UEA, ravan ŝipveturon al Bad Honnel kaj Königswinter kun ekskursoj tra la Sepmontaro al Draka Roko, tre belstilan bankedon (kun ne tro multe da toastoj), grandan internacian balon en vasta salono kiu permesis senĝenan dancadon, gajan vesperon ĉe la Kolonja grupo, kaj laste sed ne plej malgrave faman kaj veran Rejnlandan Vesperon, en kiu ni spertis la bonkoran gajecon, kiu karakterizas la apudrejnajn regionojn; kaj ni atestas ke la Esperantistaro de Kolonjo posedas kelkajn valorajn specimenojn de la konservantoj de tiu gajeco. La vespero, kiu estis tiom brila kiom konsistoriĉa, restos en la memoro de ĉiuj ĉeestintoj. Imagu al vi: ni restis sub la influo de la kolonjaj amuzistoj de la 8a vespere ĝis la 2a matene, kaj tiam... komenciĝis la dancado...!

Laŭ kunsida vidpunkto, ni havis du kunsidojn, kies solenon oni preskaŭ povus kompari al tiu de la kunvenoj de la unuaj kongresoj, speciale brilantaj pro la ĉeesto de la kreinto de Esperanto.

La unua estis la Jubilea Festkunsido de UEA, kie estis eldiritaj kelkaj festparoladoj, kaj kie estis honorigataj la ĉefaj malnovaj laborantoj de nia granda asocio. Mi ne havis la intencon citi la nomojn de ĉiuj festitoj, sed ne povas silenti pri la kortuŝa manifestacio de simpatio je la honoro de S-ro E. Stettler, la prezidanto kaj unu el la plej persistaj masonistoj de UEA. Estis donacata al li skulptita portreto el arĝento kaj je lia honoro estis deklamata la jena poezio verkita de Kalocsay:

## LA KAPITAN' EL BERNO

*Hoj he! la mar' tempestas!*
*Danĝeraj ondoj krestas*
*kaj frapas sur la ripo*
*de la malgranda ŝipo*
*kaj ĝin kolere skuas;*
*la velojn vento truas;*
*meŭoj eligas veon,*
*anoncas la pereon.*
*L'animojn ĝis radiko*
*ekregas jam paniko:*
*« Rifuĝi! Al boato!*
*Tuj venos lasta bato! »*
*Sed en la venta bleko*
*jen staras sur ferdeko*
*en sia gvida loko,*
*pli firme ol la roko,*
*kun firme certa mano*
*la kapitano*

*Kaj ju pli letargie*
*l'espero ĉie svenas,*
*jen des pli energie*
*li direktilon tenas.*
*Kaj inter akraj rokoj,*
*kiujn ŝaŭmpolvo kovras,*
*tra l' plej danĝeraj lokoj*
*trankvile li manovras:*
*kaj kiam rif' minaca*

*jam ŝajnas ŝipon spliti,*
*li, kun lerteg' sagaca,*
*sukcesas ĝin eviti!*

*Kaj ĉi trankvilo fera,*
*persisto bonespera*
*kaj celkonscia gvido*
*laboras, luktas, penas,*
*plenigas nun per fido*
*la korojn. La ŝipanoj*
*postenojn siajn prenas,*
*kaj per fervoraj manoj*
*kaj, jen, la ŝipo — flugas*
*triumfe ondojn jugas!*
*Se iom eĉ ŝirite,*
*ĝi kuras, kuras, spite*
*al ĉiu uragano*
*al la haven' — merite*
*de l'kapitano.*

*Ŝipanoj! Pro la gvido,*
*pro l' peno kaj sindono,*
*pro l'enverŝita fido,*
*konsilo kaj admono,*
*pro l' firma kaj trankvila*
*manteno direktila*
*en la koler' tempesta:*
*ni danku nun tutkore*
*al kapitan' modesta!*
*Ni danku, ŝipanaro,*
*pro la kvaroncentjaro,*
*dum kiu vane vipis*
*la ventoj: li plu ŝipis:*
*amanto de libera*
*maro kaj moro: vera*
*gvidisto, klara, klera,*
*kaj modestmaniera,*
*sed firma kaj sentima,*
*egalanima*
*en ĉiu sort-alterno:*
*la kapitan' el Berno!*

La dua estis la ferma kongreskunsido, kiu okazis post tri pli-malpli senkoloraj laborkunsidoj, kaj post deko da « tre koloroplenaj » kunsidoj de K.R., UEA kaj ICK en la «Turĉambro 3», kiu certe iĝis historia ĉambro iun tagon postulata de amiko Steiner por lia muzeo. Oni sentis, ke la kongresanoj, ĉiuj kongresanoj venis tien por aŭdi la proklamon ĉu de la disfalo de nia konstruaĵo komuna, ĉu de la daŭrigo de nia kunlaboro internacia en atmosfero purigita.

Kaj estis vere impresaj momentoj kiam S-ro Vogt, membro de ICK anstataŭanta S-ron J. Merchant, prezidanto, sciigis ke konkordo estis atingita, kiam S-ro Schoofs, sekretario-kasisto de KR. legis la Interkonsenton de Kolonjo 1933, sur kiu estas konstruita tiu konkordo, kiam ĉiuj reprezentantoj de la gvidantaj instancoj solene subskribis la dokumenton, kiam, post la subskribo de la dokumento, KR reprezentita de S-ro Schoofs, premis la manon de UEA reprezentita de S-ro Karsch, vicprezidanto, kaj kiam, fine, S-roj H. Jakob kaj R. Kreuz, direktoroj de UEA kaj ICK super la Interkonsento kvazaŭ ĵuris konservi la unuecon tiom pene atingitan kaj fiksitan en la ĵus subskribitan akton, kiu estas la rezulto konkreta de dudek-dujara klopodado.

Peza ŝtono forrulis de la koro de la Esperanto-movado!

Kaj tiu malpeziĝo certe estis la kaŭzo, ke tiam eksplodis kisan manifestacion je la honoro de la organizintoj de la kolonja kongreso, kiuj, sub gvidado de S-ino Gernsbacher, prezidantino, Wilhelm Wingen, sekretario kaj F. Kurth, komitatano, sukcesis trabati sian vojon tra la vere grandaj malfacilaĵoj dissemitaj antaŭ ili la lastajn monatojn antaŭ la kongreso.

Ni citu ankoraŭ ĉi tie, ke okazis elmontro de simpatio je la honoro de tri malnovaj laborantoj en nia movado: S-roj Fr. Schoofs (Antverpeno), Paul Nylen (Huddinge) kaj Hugo Steiner (Vieno), al kiuj estis dediĉita la honor-

medalo de Internacia Centra Komitato. S-ro Schoofs respondis je la nomo de la tri distingitoj.

Antaŭ la falo de la ferma parolo, la ĉeestantoj aŭdis la gajan kaj bonkoran invitkrion el Svedujo tra la gorĝo larĝa de samideano Dahl, al kiu ĉiuj eĥoj de la salono respondis gaje « Ĝis revido en Stokholmo proksiman jaron » !

## La unuecigo de la Esperanto-Movado

### INTERKONSENTO DE KOLONJO.

Universala Esperanto-Asocio, Konstanta Reprezentantaro de la landaj Esperanto-asocioj kaj Universala Esperantista Federacio interkonsentas pri la ĉi subaj aranĝoj :

I. — Universala Esperanto-Asocio estas la tutmonda organizajo Esperantista, reprezentanta la Esperanto-movadon kaj organizanta la universalajn kongresojn.

II. — La landaj Esperanto-Asocioj aligas siajn membrojn al UEA, se ili plenumas la jenajn kondiĉojn :

1. posedi organizan formon (regularon, konsiston de komitato, k.c.), kiu vidigas klare, ke temas pri landa asocio neŭtrala.
2. havi minimume 100 membrojn.

Pri la akcepto decidas la Komitato.

III. — La landaj Esperanto-Asocioj aligas siajn membrojn al U.E.A. laŭ la jenaj kondiĉoj :

1. ili pagas jarkotizon de Sv. fr. 0,50 por ĉiu el siaj regulaj membroj ; ĉi-tiuj membroj estas simplaj membroj de UEA, ili rajtas ricevi la internacian membrokarton kaj uzi la servojn de la delegitoj pri vojaĝhelpo kaj informpetado.
2. la landaj asocioj pagas aldonan kotizon por tiuj membroj, kiuj deziras ricevi la jarlibron aŭ la jarlibron kaj la gazeton de UEA ; tiuj ĉi membroj estas nomataj membroj aktivaj. La landaj asocioj sin devigas varbi kiom eble plej multe da tiaj membroj.

IV. — En landoj, kies asocio aligis siajn membrojn, oni aldonas al la kotizo el ĉiu kategorio proksimume 50 % de la normala kotizo de la nuna membro kun jarlibro, por tiuj membroj, kiuj ne apartenas al la landa asocio. Tamen la ĝisnunaj membroj de UEA ne apartenantaj al la landa asocio povas resti membroj laŭ la ĝisnunaj kondiĉoj, ĝis fino de 1936.

V. — La landaj asocioj prenas sur sin la administradon de la membroj en sia lando, laŭ la reguloj de la Centra Oficejo, kaj nomas ĉefdelegiton interkonsente kun UEA.

VI. — La landa asocio nomas la lokajn delegitojn interkonsente kun la ĉefdelegito kaj komunikas la liston al la Centra Oficejo.

VII. — La Internacia Komitato de UEA konsistas el :

a) Komitatanoj elektitaj de la landaj Asocioj aligintaj siajn membrojn ;
b) Komitatanoj elektitaj de la lokaj delegitoj en la landoj, kies landa asocio ne jam aligis siajn membrojn kaj en la landoj, kie ne jam ekzistas landa asocio ;
c) Komitatanoj elektitaj de la komitatanoj sub a) kaj b).

Ĉiu landa asocio kun minimume du cent ĝis mil membroj elektas unu

komitatanon kaj plian por ĉiu komencita milo da membroj, por kiuj ĝi pagis kotizon por la pasinta jaro.

La lokaj delegitoj de la landoj, kies landa asocio ne jam aliĝis siajn membrojn aŭ kie tia asocio ne jam ekzistas, elektas grupe po unu komitatano por ĉiu kvincento aŭ komencita kvincento da membroj.

La komitatanoj sub a) kaj b) povas nomi komitatanojn sub c) ĝis la triono de sia propra nombro.

Ĉiuj komitatanoj havas samajn rajtojn kaj devojn.

VIII. — La fakaj societoj, institucioj, k.t.p. povas sin enskribigi kiel partoprenantojn en la ĝenerala Esperanto-movado, kontraŭ fiksita pago.

IX. — Okaze de ĉiu Universala Kongreso de Esperanto kunsidas « Konsilantaro de la Esperanto-Movado ». Ĝi konsistas el: la komitatanoj de UEA, la reprezentantoj de la aliĝintaj landaj asocioj havantaj malpli ol 200 membrojn, la ĉefdelegitoj au iliaj reprezentantoj, la honoraj membroj, la dumvivaj membroj, la patronoj kaj la reprezentantoj de la asocioj kaj institucioj registritaj kiel partoprenantoj en la ĝenerala Esperanto-Movado. Tiu Konsilantaro esploras la jarraportojn pri la stato de la movado, konsideras proponojn pri disvastigo kaj utiligo de la lingvo kaj priparolas programon de laboroj entreprenotaj. Ĝi decidas per plimulto de la ĉeestantoj en formo de deziresprimoj, kiujn ĝi transdonas al la Komitato de UEA.

X. — Post sia likvido ICK, KR kaj U.F.E. transdonas al UEA siajn havaĵojn kaj dokumentojn. La Komitato kaj Centra Estraro fiksos la novajn devojn de la ĝisnunaj direktoroj kaj oficistoj de ICK kaj de UEA.

XI. — Necesaj ŝanĝoj en la regularo de UEA estos tuj farataj laŭ la ĉi-supraj aranĝoj. La nuna Komitato de UEA sendos la ŝanĝojn al la delegitoj por ke la voĉdono estu finita je la fino de Oktobro 1933.

XII. — La landaj asocioj elektos siajn respektivajn komitatanojn antaŭ la 15-a de Oktobro 1933.

XIII. — La neceso estos farata por ke la nova aranĝo ekfunkciu je la 1-a de Novembro 1933.

Kolonjo, la 4-an de Aŭgusto 1933.

La dokumento estis subskribata en la solena ferma kunsido de la 25a Universala Kongreso, de jenaj samideanoj:

| | | |
|---|---|---|
| Ed. Stettler | Frans Schoofs | D-ro A. Vogt |
| Johannes Karsch | Robert Robertson | Arnold Behrendt |
| Louis Bastien | P. W. Baas | Einar Dahl |
| Cecil C. Goldsmith | J.R.G. Isbrücker | A. Clavenna |
| P. Petit | M. Inouye | Dr. Julian Loyola |
| Georgo Canuto | M. De Ketelaere | Ildefonso Falcâo |
| Arne J. Tharaldsen | D-ro R. Maeder | D-ro Ernst Meyer |
| Charlotte Jablonski | Paul Blaise | Adolf Münz |
| H. Moy Thomas | Paolina Mellina | Schmalzl |
| S. Alberic Jofré | Hans Jakob | Robert Kreuz |

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Protokolo de la kunveno de la Liga Komitato, okazinta en Bruselo (Kafejo « La Sako »), dimanĉon, 17an de Decembro 1933.*

La kunsido malfermiĝis je la 10 ½a sub la prezidanteco de S-ro Schoofs, Liga Prezidanto, kiu salutas la ĉeestantaron.

ĈEESTIS: a) *Konstantaj Gekomitatanoj*: S-ino Elworthy; S-roj Schoofs kaj D-ro Van der Biest.

b) *Grupaj Gedelegitoj*: Antverpeno: S-roj Boffejon kaj Jaumotte; Bruĝo: F-ino Thooris; Bruselo: F-ino Obozinski kaj D-ro Kempeneers; Gento: S-ro Petiau; Lieĝo-Chênee-Sclessin: S-roj Dechesne kaj Thirifays; Verviers: S-ro J. Herion; Spa: S-ro Desonay senkulpiĝis.

## Tagordo:

1. a) *Belga Ligo Esperantista kaj la nova organizo de la movado laŭ la «Interkonsento de Kolonjo».*

La prezidanto klarigas la novan situacion de B.L.E. rilate al UEA kiu estonte reprezentos la tutan movadon en nia lando. Ĉiuj membroj de B.L.E. estos samtempe membroj de UEA. Ili ricevos la internacian membro-karton kaj povos uzi la servojn de UEA; ili estos: « Membro-Simpla » (M) kaj pagos kotizon da Fr. 30,— jare; la membroj, kiuj deziras ricevi la jarlibron de UEA estos « Membro kun jarlibro » (MJ) kaj pagos Fr. 45,—. Membroj kun abono al la ĵurnalo « Esperanto » estos « Membro-Abonanto » (M A) kaj pagos Fr. 70,—. « Membro-Subtenanto » pagos Fr. 200,—. Tiujn kotizojn oni estonte pagu senpere al sia grupa Kasisto, kiu transpagos ilin, kiel eble plej akurate, al la Kasisto de « Belga Ligo ». Cetere, baldaŭ aperos speciala numero de « Esperanto » kun ĉiuj necesaj informoj pri la nova organizo de la movado.

b) *Elekto de Komitatano kaj ĉefdelegito de U. E. A.*

Laŭ la nova organizo « Belga Ligo » devas elekti unu Komitatanon de U.E.A. La ĉeestantaro unuanime konfirmas la mandaton de S-ro Petiau, ĝisnuna Komitatano, kaj tiun de S-ro Schoofs kiel Ĉefdelegito.

2. *Nacia Kongreso en 1934.*

Kiel proponite dum la lasta Generala Kunveno en Bruselo, ĝi okazos en Spa dum Pentekosto proksima (19-22 de majo 1934). Por ĉiuj informoj oni sin turnu al S-ro J. Desonay, 19, rue Sylvela, Spa, kiu bonvolis preni sur sin la organizadon de la kongreso.

3. *« Belga Esperantisto », plano por 1934.*

S-ro Jaumotte, Liga Kasisto, konigas la financan situacion. Kvankam ĝi estas sufiĉe bona, li rimarkigas, ke por eldoni regule B. E. en la nunaj cirkonstancoj la afero montriĝas nefacila kaj nefavora. Por ebligi la regulan aperon de nia revuo, S-ro Schoofs proponas eldoni ĝin laŭ la formato de la ĵurnalo « Esperanto » de U.E.A. Ĝi aperu komence sur 4 aŭ 8 paĝoj de forta papero kaj 11 foje dum la jaro. Post rimarkoj de S-roj Dechesne kaj Hérion, tiu propono estis unuanime akceptata krom la grupoj de Lieĝoj, kies delegitoj sindetenis dezirante klarigi la proponojn al siaj respektivaj grupoj. La grupo de Verviers ne voĉdonis.

4. *Organizo de la ekzamenoj pri profesora kapableco dum la naciaj kongresoj.*

Laŭ propono de S-ro Cogen, ekzameno por profesora kapableco okazos estonte dum la nacia kongreso, la sabaton posttagmeze ĉirkaŭ la 2a. La Liganoj, kiuj deziras partopreni ĝin, informu la Ligan Sekretarion.

5. *Esperanto por Registrara propagando.*

Post tre interesaj informoj donitaj de S-ino Elworthy rilate la uzadon de Esperanto por registara propagando, estas decidite, ke la Ligestraro kunigos plej taŭgan dokumentaron kaj ekzamenos, kio estas farota.

6. *Reelekto de la Ligestraro.*

S-ro Schoofs rimarkigas, ke la laboro de la Ligestraro fariĝas pli kaj pli ampleksa kaj ke estus bone, ke oni havu helpsekretarion en la diversaj provincoj. Sed, ĉar la afero ne estas tuj efektivigebla, li proponas por komenci: S-ron Poupeye, el Bruĝo kaj S-ron Dechesne el Lieĝo. S-ro Dechesne volonte akceptis kaj F-ino Thooris insistos por ke S-ro Poupeye ankaŭ akceptu.

Poste, ĉar neniu alia kandidato sin prezentis, la Ligestraranoj estis aklame reelektataj.

7. *Universala Kongreso de Stockholm 1934.*

La Ligestraro studos la eblecon organizi karavanon al Stockholm, ĉu senpere, ĉu en kunlaboro kun aliaj Landaj Societoj. Ĝi konigos akurate la rezultaton.

8. *Diversaĵoj.*

Fondiĝis antaŭ nelonge neŭtrala Societo Belga de Radio-aŭskultantoj ». Estus bone, ke ĉiuj esperantistaj Radio-Amatoroj aliĝu al tiu societo por klopodi por ke oni denove malfermu esperantajn Radiokursojn. Kotizo: Fr. 10.— jare. Adreso: Strato Stassart 34, Bruselo.

La kunsido finiĝis je la 13 ½a.

## OFICIALA REKONO DE ESPERANTO

Antaŭ kelkaj monatoj la « Antverpena Polica Grupo Esperantista » petis de la Ĉefkomisaro Van der Steen la permeson porti la Esperanto-insignon sur la uniformo, kiel tio estis konsentita okaze de la 20a Universala Kongreso de Esperanto en 1928a.

Ricevinte la opinion de la Ĉefkomisaro, S-ro C. Huysmans, urbestro, skribis al la unue citita, je la 22a de Aŭgusto 1933:

« Farante sekvon al via informo de la 17a de nuna monato, n-ro 1225 p., mi sciigas al vi, ke mi ne kontraŭstaras, ke la membroj de la « Antverpena Polica Grupo Esperantista » portu la insignon de sia asocio kaj metigu ĝin sur sian uniformon. »

Tre certe ni povas gratuli la gvidantojn de nia A. P. G. E. pro la atingo de tio rezulto, por kiu ili klopodis senĉese de tuj post la kongreso. Ni esperas, ke multaj Antverpenaj policistoj surmetos la kvinpintan verdan stelon sur la manikon de sia uniformo, kiun ĝi vere plibeligas, kaj ni ne dubos, ke tion farinte ili liveros bonajn servojn al la internacia trafiko en nia granda belga havenurbo, kiu siaparte profitos el la akcepto de tiu novaĵo.

# BELGA KRONIKO

**AALST-ALOST. — Sekcio de B.L.E.** Niaj kunsidoj de la monatoj Junio kaj Julio estis ĉiuj dediĉataj al la preparado de nia partopreno en la loka Komerca Foiro. Dum la Foiro mem, ne okazis kunvenoj. Nia stando, starigita en proksimume dek-kvadratmetra angulo de unu el la salonoj iĝis vera sukceso, se oni juĝas laŭ la nombro de vizitantoj, kaj ankaŭ ĝia aspekto. Ĉion eblan ni estis farintaj por interesigi... kaj haltigi la publikon: niaj penadoj ne estis vanaj. Preskaŭ ĉiuj, kiuj envenis la salonon, haltis kaj multaj el ili longe travidis la elmontritajn presaĵojn: gazetojn, librojn, lernomaterialon, propagandajn dokumentojn. Ni nur esperu, nun, ke la milo da cirkuleroj, kiujn ni disdonis, portu siajn fruktojn. — En Aŭgusto, ni nur havis du kunsidojn, kun libera tagordo, kiujn la « ne-libertempantoj » regule ĉeestis. Dum la dua kunsido de Septembro, S-ro Dekegel faris interesan rakonton pri sia restado en la Esperanto-domo de Arnhem.

**ANTVERPENO. — La Reĝa Esperanto-Grupo "La Verda Stelo",** s.s.p.c. ĉiam vigle laboradas kaj ĝuas staton tre bonan por la nuna malfacila tempo. Nur la kursoj ne donas rezultaton tre kontentigan, almenaŭ laŭkvante, ĉar aliflanke ni konstatas kun ĝojo ke laŭ kvalito ni de longe ne havis rezultaton tiel bonan kiel nun. Bonegaj lernantoj ne nur finsekvis la kursojn, sed post fino de la kursoj plu interesiĝas pri la grupo kaj regule ĉeestas la kunvenojn, kie ili aktive kaj lerte partoprenas en la diskutoj.

Alia ĝojiga fakto estas, ke la malnovaj membroj restas fidelaj, kaj eĉ pli kaj pli okupas sin pri la grupa vivo. Ĉiuj kunvenoj estas multnombre ĉeestataj. Tiun favoran situacion ni certe grandparte ŝuldas al la reguleco kun kiu ĉiuj aranĝoj estas farataj de la gvidantoj. En tiu rilato ni nomu en unua vico la perfektigajn ekzercojn lerte gvidatajn de S-ro M. De Ketelaere kaj per kiuj ĉiuj sabataj kunvenoj komenciĝas ĉiam tre akurate je la fiksita horo (8 h. 30). Kaj ne malpli grava estas la parolata ĵurnalo, kiun ĉiun sabaton faras alia membro. Ĉiam ree kaj ree pruviĝas la granda utileco de tiu novaĵo, el kiu kelkfoje rezultas gravaj lingvaj diskutoj. Precipe per ĝi montriĝis la esperigaj kapabloj de la novuloj,el kies buŝoj la kara lingvo «forte, bele, eksonas». Por ili la « Parolata Kritiko », kiu estiĝis el propono de S-ro Fr. Schoofs: diskuti la parolitan gazeton laŭ lingva vidpunkto. Faris la gazeton en la lastaj monatoj: S-ino M. Jaumotte, F-inoj Van Regemortel kaj S. De Backer, S-roj H. De Bouvre, Van Reybrouck, H. Sielens, H. Boffejon, G. Pols kaj J. J. Molenaar. Ĉiuj plene meritis la aplaŭdojn per kiu la kunvenintoj dankis ilin.

La 10an de Junio kaj la 8an de Julio okazis la ĝeneralaj monataj kunvenoj kaj komunaj kantadoj, kiuj bonege sukcesis, dank' al S-ino L. Faes, kiu per sia lerta akompanado pligrandigis la kantemon. En la kunveno de la 10a de Junio S-ro H. Boffejon detale raportis pri la 22a Belga Kongreso okazinta en Bruselo. Li konkludis la raporton esprimante sian grandan kontentecon pri tiu belega kongreso, kaj precipe pri la agrabla lunda ekskurso al Zoniën-Arbaro kun la bonega komuna tagmanĝo en Laiterie Fond'Roy en Linkebeek. Ke la aliaj Antverpenaj kongresintoj partoprenas lian kontentecon, pruvis ilia ĝenerala aplaŭdo kaj la fakto, ke kelkaj el ili tuj konigis sian intencon aliĝi al

la proksima kongreso en Spa. Tiu deklaro videble impresis tiujn, kiuj ankoraŭ ne ĉeestis kongreson, kaj certe instigos ilin ankaŭ iri al Spa. Por helpi al ili, la grupo starigis ŝparkason, kiu jam regule funkcias. Rilate al tio ni memorigas al ĉiuj ke la mono restas ĉiam je ilia dispono. La monon kolektas la kasisto, S-ro Edg. De Coster, en la sabataj kunvenoj.

La Ian de Julio la membroj ĝuis diskuton pri la temo « Kiel la Socio sin defendu kontraŭ la malobeantoj al la Leĝoj », kiun enkondukis S-ro M. De Ketelaere kun sia konata kompetento kaj la 15an de Julio S-ro Fr. Schoofs kaj M. De Ketelaere, F-inoj M. Hofkens, S. De Backer, J. Van Eynde, S-roj H. Sielens, kaj G. Pols legis la teatraĵon « Ŝipeto », kiu tre plaĉis al la aŭdantaro. Ankaŭ la rakontojn kaj la vortludojn, faritajn la 22an kaj 29an de Julio, ĉiuj tre ŝatis.

La 19an de Aŭgusto parolis S-ro Fr. Schoofs pri la 25a Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Kolonjo de la 29a de Julio ĝis la 5a de Aŭgusto. Per sia kutima agrabla parolmaniero la parolinta donis al ni tre klaran bildon pri la kongreso kaj pri la kongresurbo.

Li parolis pri la multaj kaj malfacilaj laboroj kaj ties ĝojiga rezultato : la Interkonsento de Kolonjo, la unuecigo de la Esperanto-Movado. Kaj ankaŭ pri la gaja Kolonjo atmosfero li parolis, tiel ke la hejme-restintoj des pli bedaŭris, ke ili ne povis ĉeesti tiun jubilean mondfeston, kiu malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj tamen bone sukcesis. La longdaŭra aplaŭdo, kiu sekvis tiun agrablan, interesan paroladon, estis plene meritita. Ĉar la lumbildoj, per kiuj S-ro Schoofs intencis ilustri sian paroladon, ne estis pretaj, li promesis projekcii ilin en posta kunveno, kaj tiel la membroj havis plian okazon por aplaŭdi lin la 23an de Septembro, kiam li montris la lumbildojn ne nur el la kongreso, sed ankaŭ pri sia postkongresa vojaĝo en Luksemburgo kaj en la valo de la Lesse.

La ekskursemuloj certe ankaŭ ne plendos. La 17an de Junio, per energia « ni iros », la multnombre kunvenintaj verdstelanoj fortimigis la pluvon, kiu jam la tutan tagon faladis, kaj ili faris la ĉiujaran viziton al la foiro. Ke ili bone amuziĝis, pruvis la... kontuzitaj kruroj kaj kubutoj, kaj la sufiĉe *frua* horo de la hejmeniro.

Dimanĉon la 25an Junio, trideko da membroj partoprenis en la ekskurso al Heide, iniciatita de F-ino J. Morrens. Matene ĉiuj ekskursantoj bone amuziĝis en la arbaro per diversaj ludoj. La planitan posttagmezan promenadon al la dunoj bedaŭrinde malebligis la pluvo. Ĝin neatendite sed ne malbone anstataŭis konkurso de rusa bilardludo, en kiu kelkaj ludantinoj montris lertecon ja iom maltrankviligan por sia « sinjoro kaj mastro ». La interpluvojn, kiujn la entuziasmaj bilardantoj eĉ ne rimarkis, la juna idaro plene elprofitis, ludante en la freŝa aero kaj... en la koto, tiel preparante novan plezuron por la karaj panjoj. Entute, malgraŭ la nebona vetero, agrabla tago, pro kiu ni kore dankas al nia sindona membrino, F-ino J. Morrens.

Por la 9a de Julio la programo anoncis : « Eksterordinare bela ekskurso en rava parto de nia lando ». Kaj vere, tio ne estis troigo. Dum tuta tago la partoprenintoj traveturis paradizon, kaj certe ne baldaŭ forgesos la belan regionon de Durbuy, Baraque Fraiture, Vielsalm, Trois-Ponts k.t.p. Ĉiuj estis tiel kontentaj, ke la sukceso de sekvantaj aŭtobus-ekskursoj estas jam de nun

tute ne dubinda. Specialan dankon pro tiu ĉi belega kaj bonege sukcesinta ekskurso meritas S-ro Edg. De Coster, kiu sugestis la sekvitan vojon.

Laŭ la deziro de multaj partoprenintoj al la nunjara Belga Kongreso en Bruselo, la grupo organizis novan ekskurson per aŭtobuso al Zoniën-Arbaro, Dimanĉon la 27an de Aŭgusto. Malfeliĉe, pro difektoj ĉe la veturilo, la ekskurso ne povis esti laŭplane finita. Aŭtobuse la ekskursantoj atingis nur Bruselon, kaj devis de tie tramveturi al Linkebeek, kie ili alvenis ĝustatempe por « konsumi » — je la sesa — la menditan tag(mez)manĝon kaj... reveni al Antverpeno per vagonaro. Zoniën-Arbaron ili ne atingis, kio estis speciale bedaŭrinda por la grupo da infanoj, kiuj kunekskursis.

Malgraŭ ĉio, pro la vizito al la tombo de Verhaeren kaj al Dendermonde, kaj pro la bela vetero kaj la bonega humoro, ĝi estis entute agrabla ekskurso.

Pri la incidento de la laktujo al kiu estis alkroĉita iu fraŭlino, ni prefere ne parolas. Tion faru, se ŝi kredas ĝin necesa. Fraŭlino Van Eynde.

Pli ol la ekskursintoj, la Bruselaj geamikoj estis viktimoj de la aŭtobus-difektoj. Ili oferis sian tutan dimanĉan posttagmezon atendante « la Antverpenanojn »... kiuj ne venis. Ili scias ke « la Antverpenanoj » ne estas kulpaj; tamen ili akceptu la esprimon de ilia bedaŭro kaj sincera danko.

La ĉiujara mitulvespermanĝo okazis la 30an de Septembro en Salono « Nieuw Kursaal » sur la maldekstra bordo de la Skeldo. Ĉeestis proks. 40 geamikoj. Specialaĵo de tiu mitulvespero estis, ke la partoprenintoj unuafoje iris piede al Sta Anjo tra la tunelo sub la Skeldo.

Ankaŭ la ekstergrupa laboro meritas atenton.

Gravega okazintaĵo estis la eldono de la kartoj por la propagando kaj la kartoj de helpmembro. La unuajn la grupo vendas, laŭ la ekzemplo de niaj Lieĝaj amikoj, po unu franko; la kartoj de helpmembro kostas kvin frankojn. La membroj aĉetas kaj pagas ilin, kaj klopodas poste revendi ilin al ne-esperantistoj. La sistemo funkcias tre kontentige kaj montriĝas bonega rimedo por vaste diskonigi nian movadon. El la klopodoj de multaj membroj, kaj precipe de la direktoro Sinjoro H. Boffejon, por pligrandigi la nombron de interesiĝantoj al nia afero rezultis jam cento da novaj « Helpmembroj », kiuj alportas al la grupo ŝatindan monrimedon. La ĉefa laboro sur tiu kampo restas tamen la sindona agado de la grupoj profesoroj. Finiĝis la elementa kurso de S-ro A. Faes, kaj la rapidkurso de S-ro M. Jaumotte, kaj la 26an de Aŭg. okazis la diplomdisdono al la lernintoj de tiuj du kursoj. Akiris la diplomon : S-roj Ch. De Coninck, F. Mage, F-ino L. Kenis, S-ro J. Ginsburg (de la kurso de S-ro A. Faes), kaj S-roj F. Huysmans, A. Smet, J. Couvreur (de la kurso de S-ro M. Jaumotte).

Oktobro, fino de la libertempa periodo! Revenis ĉiuj feriintoj. Ĝojiga revido. Demandoj, respondoj, rakontoj, ridoj! Bona humoro! La grupa vivo reiĝis normala.

La Grupo komencis propagandon por Esperanto en aliaj (ne esperantistaj) societoj. Cirkuleroj estis senditaj al cento da ili. Unua rezulto estis parolado de S-ro Fr. Schoofs, la 17an de Oktobro, en la grava profesia unio de oficistoj « Unitas ».

Nova elementa kurso, ĉiusemajna, komenciĝis la 3an de Oktobro, gvidata de

S-ro H. Vermuyten, kaj la 30an de Okt. malfermiĝis rapidkurso de S-ro H. Boffejon.

En la grupo mem ĉiuj kunvenoj kaj aranĝoj bone sukcesis, eĉ la kantada vespero de la 28a de Okt., malgraŭ la foresto de la fortepiano!

Tre interesa estis la studo pri e'parolado de Esperanto (14 Okt.), en kiu estis aŭdigataj, per gramofondiskoj, paroladoj de plej lertaj samideanoj, kiaj D-ro Edm. Privat k.a. Tiuj diskoj estas tre instruaj por komencantoj, kaj ankaŭ ĉiam ŝatataj de malnovuloj. Rekomendinda programero, precipe se kompletigata per klarigoj tiel bonaj kiel tiuj, kiujn donis S-roj Fr. Schoofs kaj M. De Ketelaere.

Speciale vigla estis la kunveno de la 7a de Okt., pro la diskuto pri « Sekureco dum Aŭtomobil-veturado ». En tiu diskuto, enkondukita de S-ro H. Boffejon, partoprenis multaj membroj, inter kiuj pli ol unu novulo. Jam en nia antaŭa kroniko ni menciis tiun parolemon de la novuloj, kiel rezultaton de la ĉiusemajna parolata gazeto. La aperaĵo plu daŭras. Tio konfirmas la grandan utilecon de la Parolata Gazeto, kaj ni insistas, ke tiu ĉi estu tre zorge priatentata.

Nova iniciato de S-ro Fr. Schoofs pliinteresigis nian « ĵurnalisman fakon », nome la « Parolata Revuo de interesaj Novaĵoj », kiun li inaŭguris en la ĝenerala kunveno de Septembro, raportante pri provo farita en Aŭstruja komunumo per nova monsistemo por solvi la krizon. « Aperis », aŭ pli ĝuste, aŭdiĝis jam numeroj 2a de S-ro M. De Ketelaere kaj 3a de S-ro Schoofs. Jen plia novaĵo, kiu sendube ankoraŭ plialtigos la nivelon de la grupaj kunvenoj. La « Gazeton » faris dum Oktobro/Decembro : S-ino M. De Ketelaere, F-ino M. Hofkens, S-roj Ch. Verniers, G. Pols, G. Van den Bossche, H. Boffejon ; A. Smet, A. Van Dijck kaj Van Reybroeck. Unu gazeto estis eble pli lerte farita ol alia, sed ĉiuj estis interesaj kaj rezultoriĉaj kaj ĉiuj supренomitaj kunlaborantoj meritas nian dankon.

La 21an de Okt. S-ro Ch. Verniers rakontis al ni pri okazintaĵoj el la Mondmilito. Tiu paroladeto estis tre ŝatata kaj la aŭskultintoj ne ŝparis siajn aplaŭdojn, kiuj estis cetere plene merititaj.

Kiel ĉiuj antaŭaj paroladoj de S-ro Ch. Van der Veken, ankaŭ tiu, kiun li faris la 30an de Decembro, pri « Natrium-lumo », estis tre interesa, precipe pro la aktualeco de la temo. Per siaj konataj ecoj de paroladisto S-ro Van der Veken lerte kaj kompreneble klarigis al la ĉeestantoj la komplikan problemon de natrium-lumigado. La aparatoj kompleze disponigitaj de la mondfama Philips-Kompanio en Eindhoven multe helpis al la sukceso de tiu ĉi grava parolado. La dankon, kiun esprimis la ĉeestantaro per entuziasmaj aplaŭdoj, akcentis per kelkaj trafaj vortoj la direktoro de la Laborkomitato, S-ro H. Boffejon, kiu ankaŭ esprimis la grandan dankon de la grup-estraro al la Philips-Kompanio.

Kaj nun, karaj legantoj, venas la « clou » de la pasinta jaro. Ni nomis la Zamenhof-feston, kiun la grupo aranĝis la 16an de Decembro en salono « De Witte Leeuw » kun la jena PROGRAMO :

1. La Espero (S-ino L. Faes : Fortepiano), F. De Ménil.

2. Fabelo (S-ro K. Amerijckx : Baritono), A. Gurilev.

3. La Vojo (S-ro H. Vermuyten : Deklamo), L. L. Zamenhof.

4. Zamenhof kaj lia verko — Esperanto. (Parolado de S-ro M. De Ketelaere).

5. En la Laŭbo (S-ro H. Amerijckx: Baritono), Jan Blockx.
6. Preĝo sub la verda Standardo (S-ro H. Vermuyten: Deklamo), L. L. Zamenhof.
7. Allegro Appasionato, St. Saëns.
8. Berceuse de Jocelyn, B. Godard.
9. Rhapsodie Hongroise (S-ro A. Smet: Violonĉelo), Popper.
Piano-akompano de S-ino L. Faes. — Poste: DANCADO.

Niaj malnovaj gekunlaborantoj, S-ino L. Faes per sia arta pianoludo, kaj S-ro H. Vermuyten per sia lerta, sentoplena deklamado, kiel kutime rikoltis grandan sukceson. Aliflanke niaj junaj amikoj S-roj Ch. Ameryckx, baritono, kaj A. Smet, violonĉelisto, premiito de nia konservatorio, estis por la multnombra ĉeestantaro veraj revelacioj. Post ĉiu kanto, post ĉiu ludo tondris senfinaj aplaŭdoj. Kaj prave! La organizantoj de multe pli gravaj koncertoj certe ne malŝatus la kunlaboron de tiaj artistoj. Des pli ili meritis la profundan dankon kaj la laŭdajn vortojn, kiujn diris al ili, je la nomo de ĉiuj ĉeestantoj kaj de la grup-estraro, la prezidanto, S-ro Fr. Schoofs. Kun li, ni esperas baldaŭ reaŭdi niajn du amikojn.

Anstataŭante S-ron M. De Ketelaere, kiu pro malsano ne povis ĉeesti la feston, S-ro H. Boffejon diris kelkajn vortojn en Esperanto al la membroj kaj poste improvizis flandre, por la ne-membroj, paroladeton pri D-ro Zamenhof kaj lia verko Esperanto, kaj li tre bone sukcesis interesi sian aŭskultantaron.

Je la fino de la koncerto S-ro Fr. Schoofs ankoraŭ dankis ĉiujn kunlaborintojn kaj donacis al ĉiu unu el la libroj ekspoziciitaj en la salono.

Agrabla intima dancado finigis tiun feston, kiu estis vere eksterordinara sukceso.

« La Verda Stelo » inde finis la jaron; kaj la programo por la venontaj semajnoj klare montras ĝian firman volon iri la saman vojon ankaŭ estonte.

**Antverpena Polica Grupo Esperantista.** — Tiu grupo malfermis novan kurson de Esperanto, kiun gvidas S-ro Polickomisaro G. Zwaenepoel. Sekvas ĝin dudeko da policistoj, kiuj do baldaŭ ankaŭ portos la verdan stelon sur la uniformo! Kuraĝe kaj pacience antaŭen!

**BRUĜO: Bruĝa Grupo Esperantista. Reĝa Societo.** — La 18-an de junio okazis en Blankenberge koncerto de la « Société Symphonique » de Calais. Sekve de klopodado de S-ro G. Perrin, Del. U.E.A. en Calais, tiu bonega muzikistaro enmetis en sian programon « La Espero(n) ». Laŭ antaŭa peto de la muzikestro, S-ro G. Bouffard, kelkaj gemembroj de la Bruĝa Grupo, kaj S-ro L. Braet el Nieuwpoort, ĉeestis la koncerton kaj ĥore kantis nian himnon kun la orkesto.

Dum la kunveno de la 20-a de junio okazis « amuza proceso », kiu gajigis la tutan vesperon, precipe pro la kontraŭdiraj deklaroj de la atestantoj.

Delegacio de la grupo kun la flago ĉeestis la 26an de junio la solenan enoficigon de la nova Provincestro de Okcidenta Flandrio: S-ro H. Baels, kiu direktante kelkajn vortojn al la grupa prezidantino, F-ino Y. Thooris, certigis ŝin pri sia varma simpatio por nia movado.

Pro la bela vetero, la kunveno de la 27-a de junio estis anstataŭata per agrabla vesperpromenado laŭlonge de la urbaj remparoj.

La 2-an de julio la grupo partoprenis, kiel kutime, la sekvantaron sur la Granda Placo okaze de la Kolonia Tago, (organizita de « Koloniale en Zeevaartkring » societo jam de longe membriĝinta de la Bruĝa Grupo).

Dum sekvanta kunveno, 4-7-33, samgrupano S-ro Richard Heinkens meritplene paroladis pri « lamaj kaj nunaj sportoj » kaj poste S-ro H. Moy Thomas, ĉefdel. U.E.A. Londono, agrabligis la vesperon per sia ĉiam ŝatata ĉeestado; li gitarludis kaj kantis, tiel grandsukcese kiel talentplene, kelkajn el siaj verkaĵoj. Inter tiuj speciale menciinda estas: « Mia danckunulino » inspirita okaze de la Jubileaj Festoj de la grupo. (26-10-32)

Tuttaga ekskurso al la arbaroj de St-Andries-Varsenare okazis la 9-an de julio. Krom la bruĝanoj, ĝin ĉeestis nia eksmembro S-ro Henri Braekevelt, kun sep aliaj membroj de sia nuna grupo el Roeslare. Estis agrabla renkontiĝo.

Franca samideano, S-ro Noël Barbry el Lille, vizitis la kunvenon de la 11-a de julio, dum kiu F-ino Y. Thooris refaris, sed laŭ tute alia maniero, sian paroladon pri la nun esperantigita libro de samideano Paul Nyssen: « Bonhumoro ». Tiu temo vekis tre grandan intereson kaj la ĉeestantoj tutkore aplaŭdis la ŝatatan parolintinon.

Plia vespera promenado — tiufoje en la direkto de St-Andries — okazis la 18-an de julio, kaj la kunveno de la 25-a estis dediĉata al serioza laboro: kuna tradukado de literaturaĵoj.

Dum Aŭgusto la grupo ricevis la viziton de diversaj alilandaj samideanoj: la 1-an de S-ro Assink el Eindhoven (Nederlando); la 3-an de F-ino Cicely Leadly-Brown, advokato el Londono; la 4-an de S-ro Borel, direktoro de la Radio-Stacio Lyon-La Doua (Francujo), kun S-ino Borel; la 7-an de Ges-roj Klein el Lwow (Polujo), kaj de S-ro Bianco el Genova (Italujo) je kies honoro la fama vespera sonorilarkoncerto, sur la Belfrido, finiĝis per ludado de « La Tagiĝo ».

S-ro Bianco kaj ankaŭ S-ro Weissenborn el Antverpeno, ĉeestis la kunvenon de la 8-a, dum kiu okazis entuziasma raportado de la kvar kongresintinoj: F-inoj Y. Hubrecht, M. J. kaj S. Van den Berghe, kaj M. Sanders, pri la Kolonja kongreso. Tiu raportado finiĝis kompreneble per donacado de Kolonja Akvo al la hejmerestinta prezidantino, F-ino Y. Thooris.

Dum la sama kunveno estis aprobata ŝanĝo en la komitato: F-ino Yolande Hubrecht, pro trocco de laboroj, devis rezigni sian postenon de helpa sekretariino, kaj estis bonvole anstataŭata de F-ino Maria-Joséphine Vanden Berghe, kies elekto estis aklamata. F-ino Thooris, en la nomo de la komitato, esprimis dankojn al F-ino Hubrecht pro ŝiaj multvaloraj servoj al la grupo, kaj petis ke ŝi bonvolu resti en la komitato kiel konsilantino, kion ŝi akceptis je la aplaŭdoj de la ĉeestantaro.

Dum la kunveno de la 22-a, la grupo ricevis la viziton de nederlanda samideanino: F-ino Henriette de Lange el Hago. La programo anoncis: « Surpriza Vespero » — Prezidos: « ? ». Baloto baldaŭ anstataŭigis la demandan signon per: F-ino Y. Hubrecht. La kunveno fariĝis tuta konkursvespero: facilaj konkursoj sekvis unu la alian kaj, post kunkalkulo de la poentoj, libroj estis donataj kiel premioj al la laŭreatoj.

Dum la kunveno de la 30-a de Aŭgusto, la ĉeestantoj solene rememoris dum momento sian ĵusmortintan vicprezidanton S-ron Leon De Vriendt: dum la

sama kunveno S-ro Poupeye legis kaj klarigis la raporton: « Unuecigo de la Esperanta-Movado — Interkonsento de Kolonjo ».

La 6-an de septembro okazis kanta vespero sub gvidado de F-ino Yolande Hubrecht. Rejnlandaj kantoj kunportitaj el Kolonjo de la kongresaninoj, estis eklernitaj.

F-ino Yvonne Thooris, prezidantino, raportis la 12-an de septembro pri sia vizito al la Esp. Grupo en Hago, kie ŝi parolis pri « Bonhumoro » la esperantigita verko de nia samideano, S-ro Paul Nyssens. Multaj komunikaĵoj kaj aranĝoj estis faritaj por la sekvonta esperanto-ekspozicio.

La 19-an de septembro okazis tre interesa priparolado de la sekretario S-ro Ch. Poupeye, pri la « Pacjuĝejo ». La priparolanto donis interesplenajn detalojn pri sia profesio, pri ĝia historio kaj pri la laboro de ĝiaj diversaj funkciuloj. Li estis varme aplaŭdata de la multnombraj ĉeestantoj.

La 26-an de septembro la grupo ricevis la viziton de F-ino Marguerite kaj de S-ro Paul Nyssens, gesamideanoj el Bruselo. Dum interesega priparolado kun demonstracioj, S-ro Paul Nyssens konatigis la ĉeestantojn kun « Frenologio » kaj ĝia aplikado. Li rikoltis tre grandan sukceson. Ĉiuj ĉeestantoj esprimis la bondeziron ree aŭdi lin estonte pri tiel interesplena temo; ili havis la plezuron aĉeti post tiu priparolado la unuajn ekzemplerojn — propramane dediĉatajn — de « Bonhumoro » originale france verkita nun tradukita en Esperanto de la aŭtoro S-ro Nyssens.

De la 29-a de septembro ĝis la 2-a de Oktobro okazis Esp. ekspozicio en la ekspozicia salonego « Oud Brugge » Steenstraat.

Ĝi estis organizata laŭ propono kaj plano de la sekretario S-ro Ch. Poupeye. Multaj gesamideanoj ne ŝparis sian helpon, ni citu precipe: la ĉiam ageman prezidantinon, F-inon Y. Thooris, plie F-inon M. J. Van den Berghe, kiu direktis la vendejon, F-inon Suzanne Vanden Berghe, kiu okupis sin pri pentrado de afiŝoj, k.t.p. ankoraŭ F-inojn Maria Sanders, Cécile Volckaert, S-rojn Ch. De Coster, H. Campe, F. Roose, Priem, kaj R. Meerseman, kaj aliaj, kiuj ĉiuj kunlaboris laŭ iu aŭ alia maniero. Ni aldonu ke por la kunigo de la ekspoziciota materialo, la grupo ricevis valoran helpon de: U.E.A. (Ekspozicia Servo), Belga Esperanto-Instituto, S-ro H. Petiau el Gento, kaj S-ro G. De Boes el Ronse.

La ekspozicio malfermiĝis la sabaton je la 14,30a kaj estis vizitata dum la tri tagoj de multaj interesuloj. Plej grava loka ĵurnalo « Brugsch Handelsblad » delegis redaktoron, kiu, post detala vizito, verkis tre favoran artikolon. Kelkaj eksterurbaj samideanoj ankaŭ vizitis ĝin, inter aliaj S-ro Groverman el Gentbrugge, fervora amiko de la Bruĝa Grupo. La granda salono prezentis tre belan aspekton. Ĉe la muroj estis la multnombraj turismaj kaj komercaj flugfolioj, geografiaj kartoj kun esperantaj flagetoj kaj supre bela kolekto de afiŝoj. Meze sur longa tablo estis ekspoziciitaj libroj kaj aliaj dokumentoj apartigitaj laŭ la jenaj fakoj: Turismo, Literaturo, Komerco, Foiroj, Blinduloj, Reklamo en Esp. Revuoj, Gazetoj kaj Revuoj, Lernolibroj, U.E.A., Religio, Politiko, Filatelio. Je la fundo de la salono estis a honora loko, ornamita per portreto de D-ro Zamenhof, la grupa flago kun la nova surbrodaĵo: « Reĝa Societo », fotografaĵoj, k.t.p. Je la alia ekstremaĵo troviĝis la stando Muziko, kie Esp. diskoj estis aŭdigataj per gramofono kaj ankaŭ la vendejo, kiu faris bonajn negocojn.

Entute tiu ekspozicio ĝuis grandan sukceson: per ĝi interesiĝis multaj ne-esperantistoj pri nia movado, kaj ebliĝis vigla varbado por la sekvanta kurso de la grupo.

Pliaj kunvenoj de la grupo okazis: la 3-an de Oktobro kun la ĉiumonata kanta vespero, dum kiu F-ino Thooris esprimis dankojn al ĉiuj kunlaborintoj de la ĵus finiĝinta ekspozicio; la 10-an de oktobro, kiam S-ro Fernand Roose faris antaŭ multnombraj ĉeestantoj, kiuj ne ŝparis siajn aplaŭdojn, bonegan paroladon pri D-ro Zamenhof, post kiu okazis ankoraŭ sub agrabla gvidado de F-ino M. J. Vanden Berghe, helpa sekretariino, diversaj gramatikaj konkursoj: plej mallongaj frazoj kun difinitaj elementoj, maloftaj literkunmetaĵoj, divenaĵoj, k. t.p.; kaj fine la 17-an, tiu lasta dediĉata al interparola ekzercado. Tiel alvenis la 20-a de Oktobro, dato de la malfermo de la nova vintra kurso gvidata de la sekretario, S-ro Ch. Poupeye. Ĝin sekvas 22 novaj gelernantoj kaj ankaŭ kelkaj malnovaj membroj, kiuj deziras refirmigi siajn konojn.

**BRUSELO: Esperantista Brusela Grupo.** — Oni provis por niaj kunvenoj la sstemon de' Bruĝo Grupo, t.e. ke la kunvenoj estu prezidataj ĉiufoje de alia kunvena prezidant(in)o. Tio bone sukcesis ĉar ĝi alportis agrablan diversecon. La 19an de Junio S-ro Jacobsohn legis tre interesan paroladeton pri « Kelkaj spertoj pri funkciigo de akademia Esperanto-rondo ». Poste, la kunvena Prezidanto, S-ro De Boeck, komencas paroladeton pri « Estonujo ». La 26an de Junio S-ro De Boeck legas la duan parton de sia laboro pri Estonujo. Poste, la kunvena Prezidantino, F-ino Obozinski, organizis legadon de teatraĵo inter kelkaj novaj esperantistinoj kaj S-ro De Boeck. La 3an de Julio la kunvena Prezidanto, S-ro Lavisse, proponas ke la ĉeestantoj parolu pri akvo. La konkludo de la debato estas ke sen akvo la vivo ne estas ebla. Poste, D-ro Van der Biest parolas pri la malfermo de la « Palais des Thermes » en Ostendo. La kunvena Prezidantino, F-ino Jennen, parolis pri la kuriozaj skulptaĵoj de la Brusela Urbdomo. Ŝi klarigas multajn detalojn pri ili.

La 2an de Oktobro, la kunvena Prezidanto, S-ro Swinne legis pri Esperanto kaj nudismo ŝercan artikolon, kiu celas montri la komunajn punktojn inter la du movadoj. Poste li ankaŭ legis leteron de B. C. Miller el Great Necle; en tiu letero troviĝis problemo, kaj la membroj estis petataj trovi la solvon. La 9an, la kunvena Prezidantino F-ino La Haye legis kelkajn sciencajn artikolojn kaj poste kelkajn ŝercajn historietojn. La 16an, la kunvena Prezidanto, S-ro De Boeck, organizis debaton pri la ideala edzeco. La 23an okazis nia jarĝeneralan kunsidon. Dum tiu kunveno oni elektis la komitaton jene: Prezidanto, D-ro Van der Biest; Vic-Prezidantino, F-ino Obozinski; Sekretariino, F-ino La Haye; Helpsekretario: S-ro Lavisse; Kasisto, S-ro Castel; Helpkasisto, S-ro Hart; kaj komitatano sen posteno: S-ro Alofs. La komitato elektis kiel konsilantojn: S-roj De Boeck, Maes kaj Swinne, S-ro De Boeck ankaŭ estas bibliotekisto.

La 6an de Novembro S-ro Castel prezidis. Oni diskutis, dum tiu kunsido, pri diversaj leteroj kaj cirkuleroj ĵus ricevitaj. La 13an de Novembro S-ino Staes prezidis. Ŝi faris prelegon pri « Belga Antologio » el kiu ŝi ĉerpis la teatraĵon « Kaatje » tradukita de D-ro Van der Biest; ŝi prelegis la unuan akton, kun la kunlaborado de S-ino Staes-juna, de S-roj Swinne kaj Castel. La 20an, la kun-

vena Prezidanto, S-ro Hart, rakontis historietojn kaj la membroj devis ĉiuj anonci la finon de la historietoj. La saman tagon ni salutis en nia grupo, S-ron Matthews, londonan samideanon. La 27an la kunvena Prezidanto, S-ro Jacobsohn, faris vortludojn.

Tiam venis festo, kiel jam de longa tempo ne plu okazis ĉe ni. La preteksto? Disdono de diplomoj al la ekslernantoj, kiuj sukcesis la lastan ekzamenon.

Do, la4an de Decembro, de la 20a horo ĝis la 24a, eĉ pli... frue por kelkaj partoprenantoj, la festo verŝis en nian verdan koron, multan gajecon.

Nia amiko Jacobsohn, majstre komponis kaj disvolvigis originalan programon : Parodio de Radio Disaŭdigo, kun la kunlaborado de pluraj gesamgrupanoj.

En la komenco, por krei la atmosferon, gaja muziko akceptas la envenantojn.

Nun, jen la serioza parto : D-ro Kempeneers, anstataŭante nian Prezidanton, D-ro Van dre Biest, ricevas la permeson paroli dum dek minutoj, kiujn li uzas por danki la sindonemajn geprofesorojn : F-inon Obozinski kaj S-ron De Boeck, por gratuli la gelernintojn, kaj por deziri bonvenon al la gastoj, t.e. al cento da personoj.

Sed, per konsternaj gestoj, la festdirektoro jam montras ke la dek minutoj forpasis. Tial, rapide, oni disdonas la diplomojn kun libro-rememoraĵo al la gelernintoj, vigle aplaŭdataj pro la altaj nombroj de poentoj atingitaj ĉe la ekzameno.

Nun daŭras la amuza programo. Sed, intertempe, aŭ pli ĝuste samtempe, alia interesa afero disvolviĝas, mi aludas pri la grandioza tombolo, organizita, kun ŝia kutima talento, de F-ino La Haye. Oni ne povas kaŝi, ke ŝi ricevis la helpon de sia tuta familio, de la plej juna ĝis la.... malpli junaj. La biletoj iom mistere prezentitaj, vendiĝas ekspresmaniere, kaj post kelkaj minutoj, la tuta provizo estas elĉerpita. Estas vere, ke pli ol 120 allogaj lotaĵoj atendis la favoritulojn de la sorto. Oni devis denove interrompi la programon por bari la vojon al la malpacienco de la gajnantoj. La ŝanco, unufojon ne estas kutimo, montriĝis inteligenta, kaj la enviitaj objektoj rapide foriras de la tablo en la manojn de la ĉeestantoj. La gajeco ankoraŭ pligrandiĝis. Vin- kaj ĉampanboteloj gajnitaj de nunaj gelernantoj efikis ankaŭ sur la gajeco, ĉar vi bone komprenos, ke estas pli facile transporti tiajn lotaĵojn bone lokitajn en la stomako ol en la poŝo.

Ĝis noktomezo, larĝe kalkulite, seninterrompe sekvis unu la alian la kantoj, la muzikoj, la spritaj skeĉoj kaj multaj dancoj.

Sed, ho ve! tro rapide venas la horo de la disiro, ĉar forflugis la tempo, kiu ne revenas plu.

Kio?? Jes, ĝi revenos. Ĉar mi ekaŭdis kelkajn vortojn pri projekto, kiu jam ekzistas en verdaj kapoj. Sed, ŝŝŝŝŝt ! !

**DENDERMONDE.** — La 13an de Oktobro, S-ro Robert De Kegel, el Aalst, komencis kurson laŭ la metodo Cseh, en la salono de la kafejo « Het Gulden Hoofd » (La Ora Kapo), Granda Placo. Ĉeestis ĉirkaŭ 30 personoj antaŭ kiuj S-ro Fr. Schoofs, el Antverpeno, faris la enkondukan paroladon. Post la inaŭgura leciono, la profesoro povis enskribi 13 lernontojn. Ni esperas, ke el la klopodoj de nia samideano De Kegel kreskos forta movado en Dendermonde.

**GENTO.** — Dum la libertempo la grupaj kunvenoj okazis ĉiumerkrede, je la 7a vespere, ĉe la Sekretario: 60, Bulvardo Sankta Lievino. Dum tiuj kunvenoj oni esploris la propagandajn rimedojn por la venonta vintro.

**HASELTO.** — La « Haselta Grupo Esperantista » entreprenis specialan propagandon inter diversaj kategorioj de loĝantoj en la urbo. Ni esperas, ke tiel ili povos ĉerpi seriozajn kaj fidelajn adeptojn el tiuj diversaj medioj.

**LA LOUVIÈRE.** — Ni posedas tie novan Samideanon: S-ro André Tassin, industriisto, kiu lernis Esperanton pere de la kurso donita de Radio-Lille kaj fariĝis lerta Esperantisto kaj agema propagandisto. Li intencas fondi grupon en La Louvière kaj diskonigi nian lingvon en sia regiono pere de la radio-stacio « Radio-Wallonia-Bonne-Espérance », kie li faros paroladeton ĉiu-dudimanĉe de la dimanĉo 6an de Aŭgusto. Ni deziras al nia nova pioniro bonan sukceson al lia propaganda entrepreno. Ĉiu, kiu povas lin helpi sin turnu al S-ro André Tassin, industriisto, Rue Basse, La Louvière.

**SOCIETO LIEĜA POR LA PROPAGANDO DE ESPERANTO.** — Dimanĉon, 2-an de julio, okazis en Lieĝo la oficiala ceremonio por disdono de la diplomoj al la laŭreatoj de niaj lastaj konkursoj.

Direktis la kunsidon S-ro Baiwir, Prezidanto de SLPE. Ankaŭ sidis ĉe la prezidanta tablo: S-ro Turc, ekzamenprezidanto; S-ino Dechesne, S-roj Bissot kaj Ponthir Laurent, membroj de la juĝintaro; F-ino Baiwir, S-roj Dechesne, Ponthir Léon kaj Thirifays, profesoroj. En la ĉambrego, la laŭreatoj kaj pluraj iliaj kunuloj, ĉefe skoltoj.

S-ino Dechesne pianoludis la Espero'n, kiun multaj kantis kun ŝi, kaj tuj poste, S-ro Baiwir deziris bonvenon al ĉiuj ĉeestantoj. Per paroladeto belega li diris al lernantoj, profesoroj, juĝintoj, komitatanoj, afablan vorton por danki aŭ gratuli ĉiun el ili. Li feliĉe kaptis tiun specialan maloftan okazon por memorigi la grandajn ecojn de Esperanto atentigante ĉefe pri la paca vidpunkto.

S-ro Turc poste esprimis sian kontentecon pri la mirindaj rezultatoj de la ekzamenoj kaj gratulis denove ĉiujn pro la bonega laboro efektivigita tiom de la kursanoj kiom de la kursgvidintoj kaj kunjuĝintoj. Li finis farante varman alvokon al senĉesa kunlaborado.

S-ro Dechesne siavice diris kelkajn gratulajn vortojn kaj, en nomo de la profesoraro, dankis la lernantojn esti pruvintaj per sia bela sukceso la utilecon kaj bonecon de la instruo. Li invitis la diplomotojn daŭre studi la lingvon kaj ĝin propagandi. Li indikis la rimedojn uzeblajn kaj nome vidigis la grandajn profitojn akireblajn per membriĝo ĉe nia societo.

Tiam sekvis la legado de jena brila laŭreatlisto kaj disdono de diplomoj kaj rekompencoj, akompanata de afabla vorto de la juĝintaro kaj de taŭga muzikludo de nia okaza pianistino.

Ricevis la ateston pri simpla kapableco: 1) el kurso donita de F-ino Baiwir en Chênée: kun la plej granda distingo S-ro Cormau Joseph (99,5); 2) el kurso donita de S-ro Ponthir Léon en Jemeppe: a) kun la plej granda distingo: S-roj Gavage Lambert (97,5), Foyen Félix (97,3), Guiot Firmin (94,1); b) kun

granda distingo: F-ino Thonet Eva (86,7), S-ro Vincinau Roger (83): c) laŭ kontentiga maniero: S-roj Otoul François (63,3), Swartebroekx René (62,9), Lejeune René (61,2), Dewart Julien (61), Dewart Joseph (60,5), Bovy Arthur (60,1); 3) el kurso donita de S-ro Dechesne en Lieĝa « Cercle Polyglotte »: kun la plej granda distingo: S-ro Colleye Arthur (90), (du aliaj kandidatoj, kiuj brile finis la kurson, estis malhelpataj trapasi la ekzamenon); 4) el kurso donita de S-ro Thirifays en lernejo Hocheporte, Lieĝo: kun la plej granda distingo: S-roj Devillez René kaj Martiny Charles (95), (unu tre lerta kursano ankaŭ estis malhelpata trapasi ekzamenon); 5) el kurso donita de S-ro Dechesne en Sclessin: a) kun la plej granda distingo: S-roj Verbruggen Robert (91), Ladry Alfred (90,5), Fagot Georges (90); b) kun granda distingo: S-ro Deflandre Jean (86,5); c) kun distingo: S-ro Simonis Antoine (78); d) laŭ kontentiga maniero: S-ro Simonis Emile (68); 6) el kurso donita de S-ro Thirifays en Seraing (Asocio de Diplomitoj de Supera Industria Lernejo): a) kun la plej granda distingo: S-ino Bailly Yvonne (99), S-roj Massillon Jean (97,4), Remy Albert (95,2), Colette Isidore (92,8), F-inoj Colette Marthe (92,7), Frankinet Suzanne (92,6), S-roj Tiniot Maurice (92,2), Fastré Fernand (91,9), Vanlofvelde Jules (91,4), Grisay Georges (90,5), Beauraind Camille (90,2), Thonon Marcel (90); b) kun granda distingo: S-ro Stiennon Lambert (80,2).

Laŭreatoj de ĉiuj kursoj nun havis la parolvicon kaj esprimis siajn bonajn sentojn al la estraro kaj sian deziron daŭre lernadi kaj kunlabori. Interalie parolis en nomo de la diplomitoj: S-roj Cormau, Devillez, Verbruggen, Stiennon (ankaŭ en nomo de la Komitato de Diplomitoj de Industria Lernejo el Seraing), Goyen kaj Guiot (ankaŭ en nomo de la skoltoj). Kaj la kunsido finiĝis per reaj gratuloj kaj dankoj de S-ro Prezidanto Baiwir, dum la Espero denove aŭdiĝis de sub la fingroj de S-ino Dechesne. Resume belega kaj plej kuraĝiga kunveno plena je espero por estonteco.

Post la diplomdisdono, la kelkaj ĉi tieaj fervoraj propagandistoj regule kunvenas kun la lernemaj diplomitoj kaj sukcesas fari plej bonan lingvan laboron. Malgraŭ la varmeco de la periodo somera, la tradukoj, kontraŭdireblaj paroladoj kaj aliaj societaj tempopasigiloj daŭras allogi multajn sindonajn samideanojn.

Kelkfoje alilokaj amikoj kuraĝigas nin per sia vizito. El tiuj ĉi ni speciale menciu S-inon Elworthy-Posenaer, kiu, okaze de libertempo pasigata en Fléron, faris al ni la plezuron ĉeesti kunsidon la 28-an de julio. Tiu neantaŭvidebla vizito kompreneble iom aliigis la kutiman grupan programon sed havigis al ĉiu tre grandan kontentiĝon.

La efektivigo de tiu tiel interesa parto de la programo tamen ne kaptis la tutan zorgon de la estraro, kiu tuj fervore prilaboris la remalfermon de 5 kursoj elementaj. Ili okazas en Chênée (Ecole des Grands Prés) la lundojn je 19a h., en Lieĝo (Ecole Hocheporte) la mardojn je 19 h. 30, en Jemeppe (Ecole du Centre) la merkredojn je 19 h. 30, en Val Saint Lambert (Ecole des Bas Sarts) la vendredojn je 19 h. kaj en Sclessin (Ecole du Château) la vendredojn je 19 h. — Ili estis malfermataj respektive la 9-an, 10-an, 11-an, 13-an kaj 20-an de Oktobre.

La estraro de S. L. P. E. preterlasis nenion por ke la sukceso de tiuj kursoj estu plej granda. Krom la reklamo per artikoloj en la ĉiutagaj ĵurnaloj kaj

cirkuleroj dissendataj al multaj personoj, ĝi prizorgis la diskonigon de la afero per afiŝoj afable disponigitaj de komerca societo kaj per disaŭdigoj ĉe Seraing-Radio, kiu akceptis ke ni faru tie propagandan paroladeton.

Intertempe la komunaj ekzercigaj kunvenoj daŭris okazi en Sclessin ĝis vendredo 29-a septembro kun la kutima sukceso. La temoj de la kontraŭdireblaj paroladoj estis: propagandaj rimedoj por Esperanto, tekniko de Esperanto, fraŭleco aŭ edzeco, senvestemo, libertempoj sur kamparo aŭ ĉe marbordo, laboro de la virinoj en la fabrikejoj kaj oficejoj.

Pro la okazo de novaj kursoj la saman tagon kiel tiuj kunsidoj, tiuj ĉi ne plu povis esti farataj laŭ la unuaj kondiĉoj kaj ili estis, de la 19-a de Oktobro, translokitaj en lernejon St. Jean (Lieĝo), kie ili de tiam regule okazis ĉiuĵaŭde je 19 h. 30.

Fine ni ne forgesu mencii, ke lieĝa « Cercle Polyglotte » denove malfermas, kun helpo de profesoro nia, kurson de Esperanto, kiu provizore okazas la mardojn je 21-a horo.

La kursoj ĉi supre aluditaj malfermiĝis laŭ la dirita programo kaj, malgraŭ la intensa propagando farita, bedaŭrinde ne trafis grandegan sukceson. Sume nur sesdeko da personoj enskribiĝis en tiuj kursoj: 8 en Chênée, 6 en Liége-Hocheporte, 4 en Cercle Polyglotte, 10 en Sclessin, 10 en Jemeppe kaj 20 en Val Saint Lambert.

La lieĝaj skoltoj, sekve de klopodoj tie faritaj de skoltoj vizitintaj niajn lastjarajn kursojn, invitis nin paroladi ĉe si pri Esperanto. S-ro Devillez tie lerte prezentis la aferon; li tre baldaŭ ankaŭ parolados ĉe la lieĝa Rotari-klubo. Aliaj paroladoj estas pristudataj.

Kiel alian sukceson ni ankaŭ menciu la definitivan akcepton de S-ro Dechesne kiel oficiala profesoro de Esperanto en Cercle Polyglotte de Lieĝo.

En la grupoj mem, post interrompo kelktempa okazigita de la malfermo de la kursoj, la ekzercigaj kunvenoj rekomencis. En Chênée, tiuj laboroj estas farataj ĉe F-ino Baiwir mem post la kurso. En Lieĝo kunvenas la membroj en lernejo St. Jean la 2-an kaj 4-an ĵaŭdojn de ĉiu monato. En Sclessin fine oni reorganizis la kontraŭdireblajn paroladojn la unuan ĵaŭdon de ĉiu monato; la decembra temo estis « por aŭ kontraŭ la konscienca kontraŭstaro ».

**STE MARIABURG** (Eeckeren). — Sub la aŭspicoj de Belga Ligo Esperantista estis malfermata kurso de Esperanto en la salono « Prins Albert », je la 19a de Oktobro. Ĝin malfermis kaj gvidadas nia kuraĝa samideanino S-ino M. Elworthy-Posenaer. La propagando por tiu nova kurso estis lerte organizita per afiŝoj kaj cirkuleroj. Ni povas esperi ke el tiuj lecionoj ekstaros kerno de estonta grupo, kiu revigligos nian movadon en Mariaburg, kie iam estis serioza fokuso por nia lingvo.

**VERVIERS: Esperantista Grupo.** — En Novembro kunvenis por la ĝenerala kunsido ĉiujara kelkaj fideluloj kaj kelkaj malnovaj membroj, kiujn oni sukcesis revarbi. La komitato estis reelektata senŝanĝe. Aktiva propagando ĉe la ĉiutagaj ĵurnaloj helpis nin akiri ĉirkaŭ 25 gelernantojn por du kursoj en la salono de la Ateneo: unu gvidata de S-ro Delhez, alia de S-ino Hérion Gathy. 11 lernintoj plensukcesis la ekzamenojn en Junio kaj la urbestraro kon-

sentis subvencii tiujn du kursojn per sumo de Fr. 950, subvencio antaŭe donita al la kursoj ĉe la 4a grado de niaj urbaj lernejoj.

Novan Sidejon ni povis disponi en la « Ecole du Centre », rue du Gymnase, dank'al la helpo de la Skabeno de Publika Instruado kaj la Direktoro de la urbaj lernejoj. Klason ni disponas por la kursoj kaj salonon por la kunvenoj. La membraro tie kunvenis por la unua fojo la 10an de Oktobro, je la 20a h. La sekvantan mardon okazis en sama ejo kunsido en kiu partoprenis la gejunuloj premiitaj post la ĵus finiĝintaj kursoj. Tiuokaze ili ricevis rekompencon pro ilia sukcesa laborado. Novaj kursoj estis malfermitaj en Oktobro.

## NIA FAMILIA KRONIKO

### Gratuloj:

Al Gesinjoroj A. MALBERT-HUBRECHT, al S-ro Georges HUBRECHT, protektanta membro, kaj al F-ino Yolande HUBRECHT, helpa sekretariino de la Bruĝa Grupo, pro naskiĝo de fileto, nepeto kaj neveto: Serge Malbert, 24-6-33, kiu, dank'al sia fervora onklino estas de nun la plej juna membro de la grupo.

Al Sinjorino M. ALGRAIN, vicprezidantino kaj al F-ino A. ALGRAIN, mmebrino de la Bruĝa Grupo, pro naskiĝo de nepineto kaj nevineto: Nicole Algrain, 9-7-'33.

Al F-ino Suzanne VANDEN BERGHE, membrino de la Bruĝa Grupo, pro akiro de unua premio de desegnado en la urba Akademio de Bruĝo.

La 6-an de julio, edziĝis S-ro L. PONTHIR el Jemeppe s/M. (14, place Defuisseaux), komitatano kaj profesoro en Sclessin'a grupo, kaj F-ino Louise BRONZE, tajlorino, el Flémalle-Grande.

Niaj plej koraj gratuloj kaj feliĉdeziroj akompanu la junajn novgeedzojn.

Al F-ino ANDREE ALGRAIN, membrino de la Bruĝa Grupo, kiu akiris en la urba Akademio la unuan premion por Skulparto.

Al F-ino Josephine VAN EYNDE, membrino de « La Verda Stelo » kaj al S-ro Georges VAN DEN BOSSCHE, Sekretario de la Laborkomitato de sama grupo, kiuj geedziĝis la 19an de Septembro en Antverpeno.

Al S-ro J. CLAUWAERT, membro de la grupo el Aalst, kiu la 29an de Septembro akiris brile sian ateston de piloto-aviadisto.

### Nekrologo

La 25an de Julio mortis, aĝa je 83 jaroj, Sinjoro GUSTAVE J. A. FAES, membro de « La Verda Stelo », Antverpeno, patro de niaj bonaj samideanoj Gesinjoroj A. Faes-Janssens. Malgraŭ sia alta aĝo, la mortinto kuraĝe helpis pli junajn, kiam temis pri realigo aŭ defendo de homaina ideo. Li estis granda amiko de Esperanto. Al la tuta familio Faes iras niaj profundaj kondolencoj.

Mortis en Brecht, la 17an de Aŭgusto, S-ro Eduard DE METSENAERE, membro de Belga Ligo kaj de multaj jaroj Delegito de UEA en Brecht. Nia samideano atingis la aĝon de 86 jaroj. Al lia funebrantaj vidvino kaj infanoj ni prezentas niajn korajn kondolencojn.

La 21-an de Aŭgusto mortis en Blankenberghe, post nur oktaga malsano, S-ro LEON DEVRIENDT, 63-jara, pensiumita stabpatentita subkolonelo.

honorigita per multaj naciaj ordenoj, vicprezidanto de la « Bruĝa Grupo Esperantista » jam de 1912. Tiu malnova samideano dum longaj jaroj pruvis sian tutkoran fidelecon al nia movado kaj precipe al la Bruĝa Grupo. Kiam tiu grupo, la 18-an de junio, kantis kun orkesto « La Espero(n) » sur la mardigo de Blankenberghe, ĝia vicprezidanto S-ro L. Devriendt estis inter siaj samgrupanoj. Estis malfeliĉe la lasta fojo. La 25-an de Aŭgusto, delegacio de la grupo iris al Blankenberghe por tie ĉeesti lian funebran diservon kaj posttagmeze, en Bruĝo, multaj membroj kondukis lin emocie ĝis la tombejo. Tie nia verda flago lastfoje salutis tiun karmemoran samideanon.

« Belga Esperantisto » prezentas al la funebranta familio Devriendt kaj ankaŭ al la « Bruĝa Grupo » siajn sincerajn kondolencojn.

Mortis la 31an de Oktobro Sinjoro Albert MAERTENS, aĝa je preskaŭ 82 jaroj. La mortinto estis unu el la unuaj protektantoj kaj gvidantoj de la Esperanto-Movado en Gento, kaj ĝis sia lasta tago restis fidela al nia lingvo. Al lia familio kaj al la Genta Grupo Esperantista ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn.

Kruele la morto rikoltis en niaj rangoj dum la lastaj monatoj. Je la fino de la jaro, la 29an de Decembro, mortis nia amikoKapitano Maurice VAN WANSEELE, prezidanto de la sekcio de B.L.E. en Aalst, apenaŭ 41-jara. Invalido el la mondmilito, honorita per la plej grandaj ordenaj distingoj, Kapitano Van Wanseele, eklernis Esperanton en Antverpeno kune kun sia edzino. Baldaŭ li iĝis propagandisto kaj grupgvidanto : li ja estis Sekretario de la Antverpena grupo « La Verda Stelo » ĝis lia servo vokis lin ekster la lando. Post lia reveno li kuraĝe reprenis la laboron por nia lingvo en Aalst, kie liaj multnombraj amikoj kondukis lin al lia lasta ripozejo. Al lia plorantaj edzino kaj tri infanetoj ni prezentas niajn fratajn kunsentojn.

FELIKSO ZAMENHOF, frato de la kreinto de Esperanto, mortis en Varsovie la 4an de Decembro, en sia 66a vivjaro. Li estis inter la unuaj adeptoj de Esperanto kaj ĉiam sindone subtenis sian fraton en liaj klopodoj por la atingo de sia idealo. Li estis tre delikatsenta homo pacema kaj afabla, bona por ĉiuj. Siajn delikatajn sentojn li ofte esprimis poezie kaj oratore en siaj saĝaj paroladoj ĉe la lastjaraj universalaj kongresoj, kie li ĉiam estis pie aŭskultata. Ĝis la fino de sia vivo li okupis sin pri la lingvaj, organizaj kaj propagandaj problemoj de nia movado. Li estis ano de la Lingva Komitato kaj en Oksfordo li estis elektita en la I.C.K. — La mortinto estis apotekisto en Varsovio, kie li multe sin okupis pri bonfarado, dediĉante grandan parton de sia tempo al protektado kaj edukado de orfoj.

Ni klinas la kapon plej respekte antaŭ la memoro de tiu malaperinta bona samideano, kiu kunprenas kun si pecon de la unuatempa historio de Esperanto. Al liaj vidvino kaj infanoj funebrantaj ni prezentas korajn kondolencojn de ĉiuj Esperantistoj en nia lando.

GROSJEAN-MAUPIN, membro de la Esperantista Akademio, mortis en Wavrans-sur-Ternoise (Francujo) la 18an de Decembro, atinginte la aĝon de preskaŭ 71 jaroj. La mortinto estis direktoro de la Ŝtata Altlernejo por Geblinduloj en Parizo. Li eklernis Esperanton en 1906 kaj rapide iĝis unu el la plej kompetentaj samideanoj por la lingva fako. Li ja verkis diversajn lernolibrojn

kaj la bonegajn « Dictionnaires usuels » kaj « complets » Esperanto-franca kaj franca-Esperanto, kiuj estas el la ĉefaj leviloj por la disvastigo de Esperanto en la franclingvaj landoj. Lia ĉefverko sendube estas la Plena Vortaro, klariga vortaro en Esperanto, kies ĉefa redaktanta kaj direktanto li estis.

*Ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn :*

Al Gesinjoroj René DECHESNE-MAQUET, el Sclessin-Lieĝo, pro la morto de ilia bopatro kaj patro, S-ro Jules Maquet, la 5an de Septembro.

Al Sinjoroj C. kaj R. SYMOENS, el Aalst, pro la morto de ilia bopatrino kaj avino.

Al Sinjoro Prosper VAN GENECHTEN, el Haselto, kaj Jean WYNANTS, el Looz, pro la morto de ilia bopatro kaj onklo, S-ro Hubert Wynants, je la 19a de Oktobro.

Al Sinjorino V-ino P. DE LUYCK-RICHELLE, el Antverpeno, pro la morto de ŝia fratino, S-ino Maria Richelle, je la 29a de Oktobro.

Al Fraŭlinoj Emilie kaj Rosa BODDAER, el Antverpeno, kiuj duafoje estis trafitaj de la sorto, perdante je la 20a de Decembro sian patrinon, S-inon Anna M. C. Franssen, vidvino de S-ro Gustaaf Boddaer, kiu mortis la 6an de Majo.

## DANKON.

Ni ricevis la jenan leteron, kiun ni plezure enpresas :

*Estimata Sinjoro Direktoro,*

Ĉu ne estas trouzi la liniojn de « Belga Esperantisto » se mi esprimas per ili mian dankon al la Lieĝaj Esperantistoj, pro la afabla akcepto kiun ili faris al mi dum mia vizito al ilia grupo, la 28an de Julio pasinta? Mi pasigis kelkajn semajnojn en Fléron, kaj, ĉar mi legis en « Belga Esperantisto » (Majo-Junio) ke okazis nun perfektigaj kunvenoj de Esperantistoj en la hejmo de F-ino Baiwir en Chênée, mi esprimis al ŝi mian deziron ĉeesti unu el tiuj kunvenoj, ĉar Chênée estas ja facile atingebla el Fléron. F-ino Baiwir plej afable respondis ke tiuj kunvenintoj nun libertempas, sed ke kunveno okazos la morgaŭan tagon en Sclessin, al kiu venos Esperantistoj de diversaj Lieĝaj grupoj, kaj ŝi afable sugestis ke mi veturu vagonare ĝis la stacidomo Guillemins kie ŝi atendos min kun sia frato por ke ni kune iru al Sclessin, kaj plie, ke la grupo gastigos min en hotelo en Lieĝo, ĉar la reiro de Sclessin al Fléron, kaj same por ŝi al Chênée, ne estus farebla je la malfrua horo de la finiĝo de la kunveno. Tio estis farita : F-ino kaj S-ro Baiwir atendis min ĉe la stacidomo. En Sclessin, en la kunvenejo, granda halo en la gepatra domo de S-ro Dechesne, la akcepto estis korega. S-ro Baiwir per nur tro laŭdaj vortoj deziris al mi bonvenon, kaj mi provis iom ĝentile respondi. Poste okazis perfektiga ekzerco, opa tradukado de franca teksto en Esperanton, kaj poste, plej delikata surprizo, F-ino Baiwir legis, per klara voĉo kaj neriproĉebla elparolado, ĉapitron el mia tradukaĵo Rikke-Tikke-Tak, tradukante senhezite paragrafon post paragrafo en belfrazan francan lingvon. Kaj eĉ F-ino Baiwir konfidis al mi ke ŝi estus povinta diri la tutan ĉapitron parkere. Kompreneble mi estis kortuŝita pri tiu afableco. Poste mi legis klarigan raporteton pri mia iama vizito, antaŭ multaj jaroj, al la iam proponita patrujo de la Esperantistoj, Neŭtra Moresneto. La kunveno finiĝis per intima interbabilado pri Esperantaj okazaĵoj.

Kiel proponite, F-ino Baiwir kaj mi tranoktis en Lieĝo, en Hôtel Vénitien, jam konata de la partoprenintoj de la lasta Lieĝa kongreso. Ĉu mi devas diri ke la morgaŭan tagon mi revojaĝis al Fléron kun provizo da bonegaj impresoj? Tutkoran dankon al la Lieĝaj amikoj!

Aŭg. 1933. Maria Elworthy-Posenaer.

## TAŬGA RESPONDO.

Tiu juna novelisto estas tre aroganta kaj tedas de momento la decegan maljunulon, al kiu li konfesas laŭ dogma kaj malŝatema tono siajn opiniojn pri la homaro kaj precipe pri si mem.

« Mi, ekzemple » li diras « nur matene havas talenton. »

« Ha! » respondas senmalice kaj ĝentile la bontona maljunulo, « kaj vespere vi laboras. »

S.L.P.E.

## BUKEDO DE POEZIOJ

Ni presas aŭ represas ĉi sube la belajn versaĵojn de S-ino Elworthy-Posenaer, kiujn ŝi tiel emociige deklamis dum la festo de la XXIIa Belga Kongreso de Esperanto en Bruselo.

### SUNRADIO

*Aperis en Deutsch-österreichischer Esperantist (Wien) 1913 N-ro 2*

Briletis sunradio
Tra frosto kaj malhel';
Ĝin kaptis tuj la koro,
Sin sentis en ĉiel'!

Sed baldaŭ ree frostis,
Sunbrilo iĝis for:
Tremetis pro malvarmo
La malfeliĉa kor'.

### AMU MIN!

*Aperis en Tutmonda Espero (Barcelono), Aŭgusto 1910a.*

Ho, kiam al mi, karuleto,
Riproĉas vi mankon de ĝoj',
Ĉu scias vi ne la rimedon,
Per kiu heliĝus la voj'?
Ho, amu min!

Ho, tiam, por vi, karuleto,
Matene mi ĝis la vesper',
Nur kantus plej gajajn kantetojn,
Nur konus feliĉon sur ter'.
Ho, amu min!

Ho, ĉiam por vi, karuleto,
Nur batus kun ĝoj' mia kor';
Neniam plu vidus vi larmojn,
Turmentus vin mia dolor'.
Ho, amu min!

### MI AMAS VIN!

*Premiita en la IIa Literatura konkurso de Kataluna Esperantista Federacio*
*Aperis en Kataluna Esperantisto, Novembro 1912a*

Am' estas ĉie en Naturo:
Tilio diras al tili',
Heder' al fendiĝanta muro,
Kaj al floret' la papili',
Kolomb' al sia kolombin
« Mi amas vin! mi amas vin! »

River' murmuras al herbaro,
Venteto al la foliaro,
La rosoperlo al foli',
Kaj al la ter' la sunradi',
L'amant' al sia karulin':
« Mi amas vin! mi amas vin! »

La musko diras al la ŝtono,
Kantadas per plej dolĉa tono
Al branĉetaro la birdet',
Kaj la patrin' al infanet',
La edzo diras al edzin':
« Mi amas vin! mi amas vin! »

Ho, am', de l'vivo nura ĝojo,
Vin donis Di' al kreitaĵ',
Por ke, sur mia dorna vojo,
Vi estu la plibeligaĵ'.
Ni kantu do, ĝuante ĝin:
« Mi amas vin! mi amas vin! »

En tiu amkoncert' de l'mondo,
En tiu harmonia rondo,
De l' kant' nur unu restas for:
Ne diros plu, el varma kor',
L'amat' al malfeliĉulin':
« Mi amas vin! mi amas vin! »

## DOLORO

*Represita el Belga Esperantisto. Septembro-Oktobro 1910.*

Doloro, vi manko de ĝojo,
Vi estas l'anima solec',
Sopiroj mistere flugantaj,
Kriego de malfeliĉec'.

Doloro, vi mordas longdaŭre,
Veneno dum tuta vivad':
Atakas vi ankaŭ subite,
Rompiĝas feliĉa estad'

Doloro, vi venas kun ploroj,
Kaj tuj plidolĉiĝas sufer',
Sed kiam vi mordas silente,
Kompaton ni indas sur ter'.

## LARMOJ

*Represita el Belga Esperantisto. Septembro-Oktobro 1910.*

Larmoj, fluu, bonfarantaj,
Vi, ĉiela konsolaĵ',
Vi de l'koroj suferantaj
Plidolĉiga troplenaĵ'.

De l'mateno de l'vivado,
Fluu ĝis la lasta hor',
Ĉar nur longa suferado
Estas ĝi, kaj nur dolor'.

Fluu, larmoj bonfarantaj,
Fluu ĝis la lasta hor',
Vi de l'koroj troamantaj
Konsolaĵo en dolor'.

## HO, KIAL?

*1910.*

Ho kial kruciĝis vojegoj,
La niaj, por tuja disir'?
Ho kial mi vin do renkontis
Laŭ mia soleca vojir'?

Ho kial aperis stelego
Brulinta ĝis fundo de l'kor'?
Ho kial la stel' malaperis,
Min lasis en mia dolor'?

Ho kial vi estas dolĉega,
L'anim' de plej pura belec',
Okuloj, la viaj, karesaj,
La voĉo kun birda ĉarmec'?

Ho kial mi tiel amegis,
De vi estis l'am' neeblaĵ'?
Ho kial min ardo konsumas
Nun kiel brulanta likvaĵ'?

Ho kial mi tiom suferas?
Feliĉ' alridetas al mi.
Ho kial, kun mano en mano,
Ne pasos la vivo por ni?

Ho kial ne povas vin tuŝi
La plendo profunda de l'kor'?
Vin ĉarmi l'ensorĉa potenco
De l'amo, ĉiela trezor'!

## ĈE LA FRIZISTO.

*Frizisto en blanka jako atente sin ekzamenas antaŭ la spegulo.*

FRIZISTO. — Estas vere malĝojige konstati, kiel miaj haroj elfalas dum la lastaj jaroj. La plej bona reklamilo por la frizisto! Jen, mia frunto grandiĝas ĉiutage. Kion fari? Jam ĉiujn rimedojn mi uzis! Nenio helpas. *(Li ekvidas klienton ekstere).* Silenton. Jen kliento. *(Kliento eniras.)* Bonan tagon, Sinjoro.

KLIENTO. — Bonan tagon.

FRIZISTO. — Bonvolu sidiĝi ĉi tie, Sinjoro. *(dum la kliento sidiĝas)* Ĉu estas por razado, Sinjoro?

KLIENTO. — Vi nur tondos al mi la harojn. Mi razis min hodiaŭ matene. Ĉu mi eble aspektas malbone razita?

FRIZISTO *(serveme, humile).* — O, tute ne, Sinjoro, pardonu al mi, estis la forto de l'kutimo, kiu min erarigis.

KLIENTO. — Bone, bone. Tondu miajn harojn tre mallonge malantaŭe kaj ambaŭflanke sed ne tro mallongigu ilin antaŭe.

FRIZISTO. — Mi bone komprenas, Sinjoro. Tiu aranĝo efektive bonege konvenas al vi. *(Li komencas labori.)* Estis varmege dum la lastaj tagoj, ĉu ne, Sinjoro. Mi ne memoras someron kiel la nunan.

KLIENTO. — Mi ŝatas la varmecon. Jam dum 8 monatoj de la jaro viv vidas nenion krom pluvo kaj ankoraŭ pluvo. Kaj, se vi havas bonan veteron dum 8 tagoj, vi plendas kvazaŭ la suno ne plu malaperus. Atendu nur kelkajn semajnojn, eble nur kelkaljn tagojn, kaj vi plendos pri la malsekeco.

FRIZISTO. — Vi pravas, Sinjoro. La homoj estas stultaj kaj ne scias, kio estas bona por ili. Jen vi havas mian fraton. De kelka tempo, li supermezure dikiĝis. Li ne plu estis kontenta. Li plendis pri tio al mi, kaj mi konsilis al li fari sporton. Nu, ĉar li estas granda amatoro de la bokso kaj ĉeestas ĉiujn bokskonkursojn en la urbo, li decidis sekvi lecionojn de bokso. Li do iris al boksprofesoro kaj interkonsentis pri unu leciono ĉiutage. La unua leciono estus tuj donota. Mia frato enkasigis kelkajn sufiĉe malmolajn rektajn kaj malrektajn pugnobatojn, kaj post kelka tempo li haltigis la prefoseron. Hm... Hm... aŭskultu, Sinjoro profesoro, li diris, mi konstatas ke via scienco estas tre granda kaj viaj lecionoj tre bonaj, sed ĉu ne estus eble ke vi donu al mi perleteran kurson.

KLIENTO *(amuzite).* — Inteligenta knabo, via frato. Ĉu vi ĉiuj, ĉe vi, estas tiaj.

FRIZISTO *(flatite).* — O, sinjoro, li estas la plej stulta el la tuta familio.

KLIENTO. — Ĉu? Tio estas honoro por vi.

FRIZISTO *(ankoraŭ pli flatite).* — Nu, sinjoro, ne estas por fanfaroni, sed kelkfoje mi havas bonan ideon. — Tiel, unu el miaj bonaj klientoj ĉiam plendis pri sia edzino ĉar ŝi ĉiam volis paroli la lastan vorton. Li petis mian konsilon por doni al ŝi bonan lecionon kaj post iom da meditado mi proponis al li fari kun sia edzino vojaĝon al Bouillon. Fakte tie, la energia sinjorino

devis tamen konfesi, ke ŝi estis venkita... *(Paŭzas iom)*

KLIENTO. — Kiu do realigis tiun brilan venkon.

FRIZISTO. — La eĥo, Sinjoro.

KLIENTO *(kvazaŭ serioze)*. — Sed vi estas geniulo kaj nescias ĝin.

FRIZISTO. — O, O, Sinjoro, nun vi trograndigas.

KLIENTO. — Tute ne.

FRIZISTO. — Tio tutsimple devenas de tio ke mi iom konas la virinojn. Vi scias ke mi havas porsinjorinan salonon, ĉu ne. Nu, dum mi frizas al ili la harojn, mi havas sufiĉe da okazo por studi la virinajn morojn. Ekzemple, se vi volas konservi la pacon en via hejmo, mi povus citi al vi tutan serion de diraĵoj, kiujn vi plej bone ne uzu parolante al via edzino.

KLIENTO. — Nu, mi estas scivola; eldiru ilin.

FRIZISTO. — Tiel vi neniam diru pri ilia ino : « Ŝi tute ne malbona aspektas, ĉu ne, tiu virineto. »

KLIENTO. — Vere, tio estus malbonefika.

FRIZISTO. — Ankaŭ ne diru : « Eble tiu ĉapelo estas laŭmoda, sed tamen ĝi ne bone vestas vin. »

KLIENTO. — Ha, ha.

FRIZISTO. — Ne diru : « Mia patrino neniam estus farinta tiel. »

KLIENTO. — Nu, vi bone konas ilin.

FRIZISTO. — Atentu pri la sekvoj se vi diras : « Karulino, mi estas certa, ke vi iom dikiĝas. »

KLIENTO. — Tion mi jam spertis.

FRIZISTO. — Ne argumentu dirante : « Sed vi tamen diris hieraŭ, ke tio estas blanka kaj nun vi pretendas ke ĝi estas nigra. »

KLIENTO. — Ĉiutage oni povus diri tion.

FRIZISTO. — Ne faru la komparon : « Tiu sinjorino ne plu estas tre juna, ŝi devas havi vian aĝon. »

KLIENTO. — Amiko, vi estas filozofo kaj saĝulo, vi konas la virinojn kiel psikologo.

FRIZISTO *(malfermante tirkeston kaj montrante gazeton)*. — Tio ebligis al mi iam okazigi grandan feliĉon. Ĉu vi vidas tiun ĉi anoncon :

« Milionulo, juna, bonaspekta, deziras renkonti, kun edziĝa celo, junan « fraŭlinon similantan al la heroino de la romano « Ruĝa Koro » de « Einack. »

Nu, kion vi opinias, kio okazis. Mi konsilis meti tiun anoncon. *(Paŭzeto)* Post 2 tagoj la tuta eldono de la romano estis forvendita. Kaj la juna Einack, unu el miaj klientoj, al kiu mi donis la bonan konsilon aperigi la anoncon, gajnis malgrandan fortunon. Li ne estis maldanka kaj donis al mi neforgeseblan trinkmonon. *(Kun fiero)* Nu kion vi diras pri tio?

KLIENTO. — Ĉu mi jam ne diris, ke vi estas geniulo? Vi certe estus kapabla plenumi pli altan oficon en la homa socio.

FRIZISTO. — O, sinjoro, se mi havus pli da mono kaj malpli da familiaj zorgoj, mi sentus min kapabla, okupi min pri la reorganizo de la politiko. Tiel okazis al unu el miaj klientoj, kiu veturas aŭtomobile, ke alia koliziis kun lia. La policisto alkuris kaj notis. Mia kliento diris al la policisto : « Vi tamen vidas ke mi veturas sur la dekstra flanko de la strato. La aŭtomobilo de tiu

sinjoro sin ĵetis rekte sur la mian, kaj vi diras, ke mi meritas riproĉon ». — « Certe vi meritas riproĉon », estis la respondo de la policisto. — « Sed kiel mi meritus riproĉon », ekkoleris mia kliento. — La policisto respondis : « Ĉar la patro de tiu sinjoro estas la urbestro, la frato estas la polic-inspektoro kaj mi estas la fianĉo de lia fratino. » — Jen Sinjoro, ĉu tiaj aferoj devas esti toleretaj pli longe? La tuta administrado devas esti reorganizata.

KLIENTO. — Certe tiaj aferoj estas netolereblaj. Sed rapidu, ĉar mi devas forrapidi.

FRIZISTO. — Jen la tondado estas finita. Kiun locionon vi deziras, Sinjoro?

KLIENTO. — Mi tute ne bezonas locionon.

FRIZISTO. — Ĉu vere, Sinjoro, tamen nur regula uzo de bona lociono povas malhelpi la senhariĝon. Sen lociono, la senhareco fatale okazos

KLIENTO *(seke)*. — Sed mi volas iĝi senhara. Tio estas mia ambicio.

FRIZISTO. — Jen vi mirigas min, Sinjoro. Se tamen vi iam ŝanĝus vian opinion venu al mi. Mi vere neniam aŭdis, ke iu persono deziris perdi siajn harojn. *(Intertempe la kliento stariĝas kaj estas paganta.)*

KLIENTO. — Tamen, mi tion deziras. Mi eĉ uzas produkton por plej rapide senhariĝi.

FRIZISTO *(prenante botelon)*. — Ĉiuokaze, jen la lociono kiun vi devus peti se iam vi pripentas. Ĝi nomiĝas...

KLIENTO. — O jes, estas ĝi. Estas precize la produkto kiun mi uzas por senhariĝi. Estas mirinda produkto. Bonan tagon.

FRIZISTO. — Bonan tagon, sinjoro. *(Falas pro emocio en la seĝon.)*

Johano BUKLO.

## POR MALJUNE VIVI.

Aserto de okdeknaŭjarulo : « Retiriĝi el mia ofico! Sed kiam mi estos sufiĉe maljuna, kaj mi ne jam pensas pri tio. Je centa jaro eble, kaj eĉ pli malfrue, se mi sukcesos forpasi ĝin. Mi fartas tiel bone kiel antaŭe. Oni ofte diras al mi : « Vi estas 89-jara : oni povas pensi pri morto je tiu aĝo ». Sed mi ne estas senpacienca. Mi atendas, mi atendadas... kaj mi flegas min. Mi tie ĉi manĝas tagmeze. Mi feliĉe trinkas glason da bona vino kaj tio bonfartigas min. Estas efektive ridinde trinki akvon, vino purikas akvon, kiu kelkfoje estas danĝera, kaj se oni ne devas trouzi ĝin, estas bone ĝin uzi modere. »

efektive ridinde trinki akvon, vino purigas akvon, kiu kelkfoje estas danĝera.

de sia hejmo ĝis la Pariza katolika instituto, kie li nun posedas eksperimentejon indan je li kaj liaj laboroj.

En la deklaracio, kiun li ĵus faris, ĉu vi ne opinias, ke estas, bona recepto de feliĉeco kaj longviveco?

Ne pensi pri sia aĝo, ne pensi ankaŭ tute ĉesi labori, kaj ne malpacienciĝi morti : jen konsiletoj, kiujn ne malutilas ofte rediri kaj kiuj indas esti ekpraktikataj de ni ĉiuj.

Eĉ la reguleco de la manĝoj kaj la gustumado de la bona vino devas same esti konsiderataj.

La arto maljune vivi estas lernebla kiel ĉiuj artoj kaj ĝi estas atingebla de la plejmulto de l'homoj, kondiĉe ke tiuj ĉi ŝatu la vinon kaj respektu la naturleĝojn. La konsiloj de Branly montras tion al ni unu plian fojon. Ni profitu kaj observu ilin.

Gaston Lalou (Le Moustique) S.L.P.E.

# Universala Esperanto-Asocio

**Belga Teritorio: Ĉefdelegito Frans Schoofs.**
*Antverpeno*, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit-Chien, *Antverpeno*
Poŝta ĉekkonto : 284.20.

## ĜENERALAJ INFORMOJ:

ADRESO: Ĉiujn aferojn de UEA, kiuj tuŝas la administradon oni sendu senescepte al la ĉefdelegito belga laŭ supra adreso.

ALIĜOJ: Laŭ aranĝo kun Belga Ligo Esperantista, konforme al la Interkonsento de Kolonjo, Belga Ligo Esperantista enspezas kaj administras la kotizojn de UEA. Respondante al ofte esprimita deziro, la kotizoj de la du societoj estas kunigitaj kaj rabatitaj.

### Tabelo de la kotizoj de UEA.

*Oficiala laŭstatuta tarifo.*

| *Membro-kategorio* | | *Svisaj Frk.* : | *Egalvaloro en Belgaj Frk.* : |
|---|---|---|---|
| Membro kun Jarlibro | (MJ) | 5,— | 35,— |
| Membro-abonanto | (MA) | 12,50 | 87,50 |
| Membro-Subtenanto | (MS) | 25,— | 175,— |
| Membro-Dumviva | (MD) | 300,— | 2100,— |

La normala aŭ oficiala tarifo de UEA estas en svisaj frankoj (unua vico). La egalvaloro en belga mono respondas al la taga kurzo kaj montras k i o m oni laŭstatute devus pagi.

### FAVORO AL BELGAJ ESPERANTISTOJ.

Por faciligi la aliĝon de belgaj esperantistoj al UEA, ekzistas favora tarifo laŭ difinitaj kondiĉoj. Plia favoro rezultas per samtempa aliĝo al UEA kaj Belga Ligo, laŭ jena tabelo :

| Prezoj en belgaj frankoj. | Membro simpla (M) | Membro kun Jarlibro (MJ) | Membro abonanto (MA) | Membro Subtenanto (MS) | Membro-Dumviva (MD) |
|---|---|---|---|---|---|
| Aliĝo al UEA kaj BLE kune, (rekta aliĝo aŭ pere de loka grupo) . . . . . . | 30 | 45 | 70 | 200 | 2500 |
| Aliĝo nur al UEA de novaj aliĝantoj, ne membroj ĝis nun de UEA . . . . . | — | 25 | 50 | 185 | 2000 |
| Realiĝo nur al UEA de malnovaj membroj pagintaj por 1933 . . . . . . . . . | — | 16 | 40 | 175 | — |

*Maklero* : Laŭ la nova statuto de UEA, ne plu ekzistas maklero por la Delegito, sed ĉiu varbanto rajtas elekti premion laŭ la listo en la speciala numero de ESPERANTO (nuna).

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Fondita en 1905.*
Ĝenerala Sekretariejo : St Lievenslaan 60, GENTO.
Financoj : Avenuo De Bruyn, 44, ANTVERPENO.
Poŝtĉeko : 1337.67 de Belga Ligo Esperantista.


"His Master's Voice"

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

*Koopera Societo*

Fondita: 1 Marto 1926 (Belga Ŝtatgazeto 13-3-1926. Akto N-ro 2253)
Sidejo: Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit-Chien, ANTVERPENO.
Telefono N° 943.74. — Telegramoj: « ESPERANTO » — Poŝtĉeko N° 1689.58
Registro de Komerco: Antverpeno 16337.

La 16an de Julio 1933 okazis la Ordinara Ĝenerala Kunveno de nia belga eldona societo de Esperanto. La Administrantaro prezentis raporton pri la agado dum la 7a societa jaro, iranta de la 1a de Aprilo ĝis la 31a de Marto 1933. El tiu dokumento oni konstatas, ke la ĝeneralaj ekonomiaj malfacilaĵoj ankoraŭ malhelpas la negocadon. Malgraŭ tio la situacio de la Instituto restas bona kaj tute sana.

LA KAPITALO kreskis de Fr. 150.500,— ĝis Fr. 157.500,—. La pagita parto atingas la sumon de Fr. 104.975,53.

AKCIULOJ. — Je la 31a de Marto 1933 la nombro de la akciuloj estas 177.

PROPRAJ ELDONOJ. — Ĝis nun estis eldonitaj aŭ reeldonitaj de la Societo: « Fundamento de Esperanto » — Flandra eldono. — « Fundamento de Esperanto » — Franca eldono speciala por Belgujo. — « Esperanto en dix leçons » — Speciala eldono por Belgujo. — « Esperanto-Sleutel » laŭ la novaj normoj de I.C.K. — « Belga Antologio » (Du partoj: flandra kaj franca). — « L'Initiation à l'Esperanto », de M. Rollet de l'Isle. — « Inleiding tot Esperanto » (flandra traduko de la antaŭa). — « Esenco kaj Estonteco de la ideo de Internacia Lingvo »: flandra eldono. — « Esenco kaj Estonteco de la ideo de Internacia Lingvo »: franca eldono. — Ilustritaj poŝtkartoj kun Esperanto-teksto: Antverpeno (3 serioj), Bruselo (3 serioj), Bruĝo (1 s.), Kortrijk (1 s.). — Propagandaj leterpapero, kovertoj kaj poŝtkartoj. — Dek diversaj modeloj de Esperanto-insignoj.

INVENTARO. — Je la 31a de Marto 1933 la valoro de la inventaro atingas Fr. 72.502,50.

| REZERVOJ. | Por amortizo de inventaro: | Laŭleĝa | Ekster-ordinara: | SUMOJ: |
|---|---|---|---|---|
| Laŭ pasintjara bilanco: | 23.000,— | 1700,— | 3.000,— | 27.700,— |
| Laŭ decido ĝen. kunv. '32: | —,— | 200,— | —,— | 200,— |
| | 23.000,— | 1900,— | 3.000,— | 27.900,— |
| Post aprobo de la bilanco 1932/33, estas aldonitaj: | — | 200,— | —,— | 200,— |
| kaj la sumoj estos . . . . | 23.000,— | 2100,— | 3.000,— | 28.100,— |

La ĝenerala kunveno aprobis la ĉi suban bilancon je la 31a de Marto 1933:

AKTIVO:

| | | |
|---|---|---|
| Akciuloj: pagota kapitalo . . . . . . . . . . | Fr. | 52.524,47 |
| Banko: Ĉekkonto . . . . . . . . . . | » | 11.676,56 |
| Banko: 15-taga konto . . . . . . . . . . | » | 34.000,— |
| Poŝtĉekkonto . . . . . . . . . . | » | 4.845,98 |
| Inventaro . . . . . . . . . . | » | 72.502,50 |

| | | |
|---|---|---|
| Ŝuldantoj . . . . . . . . . . . . . . . . . | » | 30.219.15 |
| Laŭstatutaj Deponoj de Administrantoj kaj Komisaroj | » | 4.000,— |
| | Fr. | 209.768,66 |

PASIVO:

| | | |
|---|---|---|
| Subskribita kapitalo . . . . . . . . . . . . | Fr. | 157.500,— |
| Kreditoroj . . . . . . . . . . . . . . . . | » | 14.390,75 |
| Rezervoj: Amortizo Inventaro . . . . . . . . . | » | 23.000,— |
| Impostoj 1931-1932, 1932-1933 . . . . . | » | 2.000,— |
| Laŭleĝa 5 % : Fr. 1.700+200,— . . . . . . | » | 1.900,— |
| Eksterordinara . . . . . . . . . . | » | 3.000,— |
| Laŭstatutaj deponintoj . . . . . . . . . . . | » | 4.000,— |
| Neta profito . . . . . . . . . . . . . . . | » | 3.977,91 |
| | Fr. | 209.768,66 |

La kalkulo de profitoj kaj perdoj estis poste prezentita kaj la komisaroj raportis pri sia misio dum la pasinta societa jaro.

La ĝenerala kunveno aprobis la dividon de la neta profito de Fr. 3.977,91 laŭ jena maniero:

| | | |
|---|---|---|
| Al la laŭleĝa rezervo (5 %) . . . . . . . . . | Fr. | 200,— |
| Transportota al sekvanta societa jaro . . . . . . . . | » | 3.777,91 |

ADMINISTRADO. — Konforme al Paragrafo 10 de la Statutoj, finiĝis la mandato de S-ro G. Vermandere, Administranto, kaj tiu de S-ro R. Geerinck, Komisaro. Ambaŭ estas reelektitaj por la periodo de ses jaroj 1933-1939.

La Administrantoj estas nun: Osc. Van Schoor (1934), Mor. de Ketelaere (1935), Edg. De Coster (1936), Maur. Jaumotte (1937); Fr. Schoofs (1938); G. Vermandere (1939) kaj la Komisaroj: L. De Hondt (1934), J. Morrens (1935), H. Vermuyten (1936), Ch. Van der Veken (1937), R. Geerinck (1939).

Per du specialaj voĉdonoj la kunveno kvitigis la Administrantaron kaj la Komisarojn de ilia direktado dum la pasinta societa jaro.

## AKCEPTO ĈE S-INO MORRIS

*en la USA Ambasadorejo en Bruselo*

Sinjorino A. V. Morris, edzino de la ambasadoro de Usono en Bruselo, invitis Esperanto-delegacion.

Afabla akcepto de la Delegitoj de Esperantista Brusela Grupo okazis la 8an de Novembro en la impona salonego de la ambasadorejo. Dum tekunveno, okazis vigla interparolado en Esperanto, kun Sinjorino Morris kiu jam de jaroj sin okupadas en Usono, pri la helplingva afero kaj kreis la societon: International Auxiliary Language Association (I. A. L. A.).

La bruselaj samideanoj ricevis broŝuron enhavantan la raporton de I.A.L.A. por 1932 en kiu oni trovas opiniojn kaj laŭdajn pruvojn pri la valoro de Esperanto.

S-ino Morris bonege parolas Esperanton. La delegacio estis ankaŭ honorata per la alveno de la Ambasadoro, kiu aŭskultis la konversacion kun granda intereso kaj kiu petis detalojn pri nia movado. (Ch. L.)

# BONHUMORO

— Paĉjo, la instruisto demandis pri vi, hodiaŭ.

— Ĉu vere?

— Jes; li diris, ke li volus scii, kia frenezulo mia patro estas.

Pruda maljuna fraŭlino demandas al la servistino, ĉu ŝi jam lavis la kanarion.

— Jes, respondas la servistino, vi povas jam eniri.

— Kial vi estas tiel enpensa? li demandis.

— Mi ne estas enpensa, ŝi respondis.

— Sed vi ne diris eĉ unu vorton dum dudek minutoj.

— Nu, mi ne havas iom por diri.

— Ĉu vi neniam parolas, kiam vi havas nenion por diri?

— Ne.

— Ĉu vi volas esti mia edzino?

— Hieraŭ mi preskaŭ donacricevis ses-cilindran aŭtomobilon.

— Kiel?

— Venante el mia domo, mi vidis la veturilon antaŭ la pordo. Mi konas la posedanton; mi do iris al li kaj diris: « Donacu al mi la veturilon ».

— Nu, kaj poste?

— Se li estus dirinta « jes » anstataŭ « ne », la veturilo estus mia.

— Unu vorton oni ĉiam elparolas malbone.

— Kiun vorton?

— « Malbone ».

KRIZTEMPA FERIO. — Komercisto, kiu pro malpliiĝo de siaj enspezoj ne povis iri al ripozloko, enŝlosis sin en sia domo, post kiam li kredigis al la najbaroj, ke li pasigos sian libertempon en Svisujo.

La farcemaj knaboj, kiuj tion sciis, jetis ŝtonojn tra lia vitro por ke li malkaŝu sin.

La komercisto koleris kaj kriis al la knaboj: « Atendu, bubaĉoj, mi retrovos vin post mia reveno el Svisujo ».

— Mi mortigis kvin muŝojn, du virajn kaj tri inajn.

— Kiel vi povis distingi?

— Du estis sur la tablo, kaj tri sur la spegulo.

Mastrino (al nova kuiristo): — Mi esperas, ke vi faros vian eblon tiun ĉi vesperon, ĉar kelkaj amikoj venos al mia muzika festeto.

Kuiristo (humile): — Nu, vere, mi ne kantis de kelkaj jaroj, sed, se mi povas helpi al vi per tio, notu min por « Adiaŭ, nigrulineto ».

Komerca vojaĝisto vizitis novan klienton, kaj erare montris al li fotografaĵojn de sia fianĉino anstataŭ sian vizitkarton.

— Jen la firmo, kiun mi reprezentas, li diris.

La kliento ekzamenis la iom energiajn trajtojn de la fraŭlino, kaj redonis la fotografaĵon, dirante: « Mi timas, ke vi neniam direktos tiun firmon ».

Juna Skoto: — Ĉu vi konas la diferencon inter taksimetro kaj tramveturilo?

# ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de I.C.K.**

*Adreso*: Joh. JUNGFER, *Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germanujo*

Mallongigoj: *Dimanĉo*: *D*; *Lundo*: *L*; *Mardo*: *M*; *Merkredo*: *Mk*; *Ĵaŭdo*: *J*; *Vendredo*: *V*; *Sabato*: *S*; *ĉiun duan Mk*: *2.Mk*; *neregule, nekonata aŭ necerte*: *n*.

*Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio-gazetoj kaj « Heroldo de Esperanto ».*

**Radio-paroladoj en Esperanto:** Béziers: S; Brno: S; Graz: Mk; Huizen: 2.S; Innsbruck: Mk; Karlskrona: 2.D; Kaunas: J; Klagenfurt: J; Leningrad: n; Lille P.T.T. Nord: D; Linz: Mk; Lyon-la-Doua: S; Marseille: 2.D; Motala: 4.D; Salzburg: Mk; Tallinn: M & 4.D; Tartu: 4.D; Radio-Côte-d'Azur: V; Warzawa: 2.Mk; Wien: Mk; Eiffel-Turo: S; Zagreb: 2.S.

*Konkurso « Gueritte »*. — Gueritte Radio-Trofeo estas nomita arĝenta trofeo kiu oni aljuĝos ĉiujare ĉi tiun radioamikon, kiu registros dum difinita periodo (nunjare 1-1—29-11-34) Esperanto-dissendojn. Rajtos partopreni la abonantoj de « Tra la poŝto ». Regularon de la konkurso oni bonvolu postuli de « Wohomo », 32 Hainault Road, ROMFORMD, Essex, Anglujo.

*Internacia Konferenco*, Wien petas publikigi la jenon: Aŭskultu ĉimerkrede Radio-Wien. Vi aŭdos je la fino ĉiam gravajn informojn pri « Internacia Konferenco » kiu okazos 20-24a majo 1934 en Wien, kaj ankaŭ la horon de la venonta parolado. Pri bona akcepto skribu al « Internacia Esperanto-Muzeo » en Wien, I., Neue Burg, aŭ al la Radio-stacio « Ravag » mem.

**Esperanto-kurso per Radio:** Lille P.T.T. Nord: D; Paris P.T.T.: J; Grenoble: J; Limoges: J; Radio-Côte d'Azur: V; Genève: V; Huizen: M; Lyon-la-Doua: D! Marseille PTT: 2.Mk.; Sottens: J.

**Aŭskultu la Esperanto-dissendojn! Skribu al la Radio-sendstacioj!**

---

## DEZIRAS KORESPONDI:

S-ro Asaŭo Tamane, Nakamura, Ŝimocugagun, Toĉigiken (Japanujo): ilustr. poŝtk., muzikaĵoj, poŝtmarkoj.

S-ro Satoŝi Macugi, 613 Joŝida Sumijoŝi, Muko-yun, Kobe (Japanujo): il. kartoj kaj gazetoj.

Inĝ. R. Volkmer, Budapest, Garay ucca 29 (Hungarujo): poŝtmarkoj.

B. Lebedoff, Marx kaj Engels strato 1, ap. 10, Moskvo 19,: leteroj kaj il. poŝtkartoj.

Dr. Halmagyi Géza, Körorvos, Köveskut (Vasm.) Hungarujo: geografiaj kartoj: reciproke sendas geogr. kart., pk. ilustr., fotografaĵojn, aŭ aliajn aĵojn

## INTERŜANĜO DE BONAJOJ.

Sinjorego tre konata kiel ĉiama prunteprenanto kaj ankoraŭ pli konata kiel neniam redonanto, iam vizitis la faman bankiston Samuel Bernard.

Salutinte lin, li diris: « Mi tuj mirigos vin. Mi estas Markizo N.: mi vin tute ne konas kaj mi venas por pruntepreni de vi 5.000 luidorojn. »

« Mi vin mirigos plie » respondis la financisto. « Mi konas vin kaj mi tuj pruntedonos ilin al vi. » S. L. P. E.

## BIBLIOGRAFIO

*HUNGARA ANTOLOGIO. — Redaktis: K. Kalocsay. Kunlaboris: J. Baghy, K. Bodó, L. Halka, F. Szilàgyi, L. Totsche. Enkondukon verkis Miĥaelo Babits. Poemoj kaj noveloj de 50 hungaraj verkistoj. Eldonis Literatura Mondo kaj Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj, Budapest. Formato: 15×23 cm. 452 tekstopaĝoj kaj 23 kliŝopaĝoj kun la fotoj de 47 verkistoj. Senligna papero, multkolora kovrilo. Prezo: svisaj fr. 12.— broŝ.: sv. fr. 14.— bind. plus 10 % por sendkostoj. Membroj de AELA ricevas ĝin por sia kotizo de sv. fr. 13.50 kiel unuan libron, el la serio de ses libroj.*

La redaktinto klarigas en la antaŭparolo ke li rezignis pri la kompleteco de la antologio por doni prefere interesan legaĵon. Tiu ĉi metodo vere donas bonan rezultaton kaj prezentas al la publiko libron tre legindan en kiu la aŭtoroj estas konigataj kelkfoje per 30-paĝa kompleta eltiraĵo. La impreso estas multe pli forta ol tiu ricevita de la antologioj kiuj pritraktas « ĉiujn » aŭtorojn sed pro tio, kapablas dediĉi al ĉiu el ili nur unu aŭ du paĝojn. Kiu legas la Hungaran Antologion konstatas ke li ne renkontas la primitivajn nek la tut-modernajn hungarajn aŭtorojn. Kalocsay limigis sin al tiuj aŭtoroj naskiĝintaj inter 1825 kaj 1895 kaj tiel li sukcesis doni al ni supervidon pri la produktado de la pasinta jarcento aldonante al tio la aŭtorojn kiuj komencis sian verkadon antaŭ la milito. La leginto rajtas diri ke li akiris ideon pri la hungara spirito, pri la tre alta valoro de ĝia literaturo kun kiu ni ne kapablas konatiĝi en la famaj hungaraj aŭtoroj, en iu studo pri la hungara literaturo por la franca publiko, skizo kiun tradukis L. Totsche kaj kiu antaŭiras en la libro, diras: « Eŭropo ege malmulte konjektas pri la hungara spirito kaj, verdire, ĝis nun ĝi ankaŭ ne multe zorgis pri ĝi. La fragmentoj kiuj el la hungara literaturo atingis eksterlandon, — ĉu hazarde, ĉu destinite rekte por internacia merkato — apenaŭ povis ĝin reprezenti; aŭ se jes, ili restis izolite kaj sen atento. » Tiu juĝo de unu el la grandaj hungaraj aŭtoroj mem, sentigas la eksterordinaran servon kiun faris Kalocsay al sia popolo, prezentante al la internacia publiko, tian valoran elekton de tradukoj el la hungara literaturo. Ke Esperanto ludas la rolon de peranto por konigi al la mondo la trezorojn de kaŝita lingvo-teritorio, ree akcentas la specialan utilon de nia lingvo por la malgrandaj nacioj. Verdire, se la registaroj de malgrandaj landoj bone komprenus sian propran profiton, ili senprokraste alprenus Esperanton kiel oficialan helplingvon apud sia nacia propra lingvo. Neniu fremda lingvo pli bone servos iun malgrandan nacion, ne sklavigante ĝin, nek endanĝerigante ĝian nacian kulturon, nek politikan ne-dependon.

La unua parto de la Antologio enhavas la Poezion kaj en ĝi la redaktinto allasis kelkajn pli malnovajn poetojn el la 16a kaj sekvantaj jarcentoj. La popola spirito plej bone respeguliĝas en la baladoj kaj romancoj rikoltitaj sur la lipoj de la kamparanoj kaj transirintaj de geavoj al genepoj tra la jarcentoj. Karakteriza estas en ili la pasia, tragedia spiro, la fatala forto kiu pelas la homojn al ilia sorto, la freŝa senafekta atmosfero de la kamparaj matenoj kaj vesperoj. Pluraj el tiuj baladoj estas bonodorantaj floroj kreskintaj el la hungara tero. Se ni diras ke tiuj poemoj kiel ankaŭ la ceteraj estas plej grandparte tradukitaj De Kalocsay, kelkaj de Szilágyi kaj Baghy, oni scias konjekti la ĝuon kiu atendas la poeziamanton.

Per la proza parto de la antologio, la tradukintoj preparis al la legontoj duoblan plezuron: ili ekkonos la hungaran literaturan trezoron en flua agrable-vivanta Esperanto, sed krome ili estos interesataj kiel dum legado de romano, per la sinsekvo de sukplenaj pecoj de hungara kampara kaj urba vivado. Jen rakontoj dolĉ-emociaj, jen aliaj amar-humoraj, jen vivpercepto seniluzia, senindulge akra, eĉ cinik-satira. La verko prezentita estas nova frukto sur la Esperanta arbo floranta en la hungara ĝardeno, frukto kiu signifas gravan pliriĉigon de ni literaturo kaj kiu ree pruvas la mond-kulturan rolon kiun nia lingvo estas plenumanta. Oni rekompencu la valorajn laborintojn per multopa akiro de la verko.

*LA KONSILANTO. Pri la Esperanta Gramatiko. Verkita de G. J. Degenkamp. Eldono de la Federacio de Laboristaj Esperantistoj en la regiono de la Nederlanda lingvo. 14×22 cm. Paĝoj 119. Prezo: broŝ. Guld. 0.85.*

Malgraŭ sia titolo en Esperanto, tiu ĉi verko estas nederlande skribita kompilado de artikoloj prilingvaj kaj gramatikaj, aperintaj en « Ons Taalblad » rubriko de « Laborista Esperantisto ». Tre komplete, ĉiuj punktoj, kiuj prezentas malfacilaĵojn, al komencantoj ĝenerale kaj al Nederlandanoj speciale, estas pritraktitaj kun granda zorgo. Ni povas nur rekomendi al ĉiuj, komprenantaj la nederlandan lingvon, ke ili trastudu la diversajn rubrikojn, kaj ni certigas al ili ke ilia gramatika kritikkapablo estos akrigita. Por la eventualaj legantoj, ni tamen dezíras esprimi kelkajn rimarkojn pri la enhavo.

Poĝo 7. Klarigo pri la formoj: *Ĝi estas malproksime, ŝi estas supre,* kaj *ili estis kvarope;* kiel oni ne uzas la adjektivon, sed adverbon. Ni konsilus al la aŭtoro klarigi tutsimple jene: *En tiuj formoj la verbo « esti » ne estas la ordinara « kuniga » aŭ « identiga » verbo, kiel en la esprimoj: « li estas soldato », aŭ « li estas juna », sed tie ĉi « esti » anstataŭas aktivan verbon, kiu devas esti difinita per adverbo. Ekz. « Ĝi staras malproksime », « ŝi traviĝas supre », « ili kunsidas, kuniras kvarope », « ili estas kune », por: « ili sin trovas kune ».* — Al tio kunligiĝas la klarigoj pri « *tiel aŭ tia* », « *kiel aŭ kia* », paĝ. 13, kiuj ne priatentas la saman fakton, ke « *esti* » ludas unufoje la rolon de « kuniga » verbo kiel en: « *kia estas la rozo* », sed ke alifoje ĝi anstataŭas aktivan verbon. Ekz. « Esperanto vivu! » « Tia estu. » Erare, sed: « Tiel estu », ĉar la signifo estas « tiel okazu ». Paĝ. 14 Rilate al la korelativoj *kiuj, tiu, ĉiu...* Ni klarigus konsente kun la aŭtoro sed pli ĝenerale esprimite, ke tiuj korelativoj estas adjektivojK kaj eĉ se ili sin prezentas sen antaŭiranta substantivo (antecedento) al kiu ili rilatas ili restas adjektivoj, sed oni komprenu post ili la vorton « *persono* ». Ekz. Ĉiu (persono) kiu laboras, progresos. Paĝ. 16. Ni ne povas aprobi la pseŭdo-logikecon, kiu kondukas al konstruo de la frazo: *vi, kiu klopodis kapabligi « sin »*. « *Sin* » apartenas al la subjekto « *kiu* », sed « *kiu* » ne estas 3-a persona sed alprenas al personecon de l'antecedento. Do, « *mi, kiu lacikas min, vi kiu laciĝas vin* », kaj ne la kontraŭ-naturaj formoj « *mi, kiu lacigas sin; vi, kiu lacigas sin* ».

Paĝ. 46. Por la frazo « *Er was juist iemand bij me* » la aŭtoro donas la tradukon: « *ĵus (ĝuste) iu estis ĉe mi* ». La nura bona estas kompreneble: « *ĝuste iu estis ĉe mi* ». La vorto *ĵus* signifas laŭ Kabe: antaŭ tre mallonga tempo; do « *zooeven was iemand bij me* ». Komencantoj povus ricevi la impreson, ke la du vortoj estas sinonmoj.

Paĝ. 53. La aŭtoro citas la frazon: « *Ĉiuj venis, escepte li* » por doni la sencon « *ĉiuj venis, nur ne li* ». Sed oni povus kompreni: ĉiuj venis, li ankaŭ, sed por li estis escepto ke li venis, do je escepto, « *bij uitzondering* », « *par exception* », « *exceptionnellement* ». Ni do ankaŭ en la citita frazo skribus: « *ĉiuj venis, escepte de li* », aŭ « *escepte lin* ». Paĝ. 55. *Po.* Al ni ŝajnas pli klare esprimi la regulon de l'uzado de po, dirante ke « *po* » devas esti uzata antaŭ la « *varieblа* » kvanto, kaj ne antaŭ la « *unuo* ». Unuoj estas: ĉiu, funto, kilogramo, kilometro, tago, semajno, horo, kesto, sako, ktp. Varieblа kvanto estas: *po du pomoj,* ĉar la kvanto povas ankaŭ esti: *po tri pomoj* (por ĉiu persono); same: *po du frankoj,* ĉar tiu kvanto povas ankaŭ esti: *po kvar frankoj* (por funto, por kilogramo); oni povas perlabori *po kvindek frankoj, sed*

oj (por funto, por kilogramo): oni povas perlabori *po kvindek frankoj*, sed ankaŭ *po cent* (en unu tago). Oni povas veturi *po sesdek kilometroj*, sed ankaŭ *po okdek* (en unu horo).

*KONTRAŬ LA REGANTAJ PERCEPTOJ PRI KRIMO KAJ PUNO, de D-rino Klara Mejer-Vihman. El la nederlanda lingvo tradukita de Nikune. Eldonis Komitato por Agado kontraŭ la regantaj perceptoj pri krimo kaj puno. Amsterdamo, 56, Olympiaweg. Paĝoj 8; Formato 12.5 cm. × 18.5 cm. Prezo: por 10 ekz. hol. Guld. 0.50; 100 ekz. hol. guld. 4.—.*

La titola jam anoncas, ke la broŝuro celas enkonduki en la prijuĝon pri krimo kaj puno ideojn de fratosento, oferemo, homano ĉe la juĝanta socio. Oni teorie devas simpatii kun tia idealo, sed mi demandos min, ĉu la agado por enkonduki tiujn samajn principojn de fratosento oferemo, ktp. ĉe la ŝetlistoj, rabistoj, falsistoj kaj ĉiuspecoj krimuloj ne havus pli tujan kaj faktan efikon por pliboniĝo de la homaro. Tie ĉi, ree, oni povus parafrazi la faman citaĵon dirante: « Post vi, Sinjoroj mortigistoj. Bonvolu doni al ni la ekzemplon de bonkoreco.»

*ĈINAJ NOVELOJ DE O. ERDBERG. Elrusigis P. Gavrilov, lingve kontrolis V. Polakov. Eldonis Ekrelo, Leipzig 1933. Paĝoj 72; Formato 12,5×17 cm. Prezo G.mk. 0.50.*

La verketo tendence sovieta priskribas la situacion de la popolo en Ĥinujo. Se oni senigas la enhavon de la okulfrape politik-literaturaj frazoj, restas tamen la impreso kontrolebla per la ekzistanta alibibira dokumentado, ke ne ĉio estas rozkolora en la lando de la centmilionoj.

*POLITIKA SOCIALA REVUO. Ia Jaro, n-ro Ia, marto 1933. Eldonis Librejo Felix Alcan, Parizo. Paĝoj 80, Formato 17,5 cm. × 26,5 cm. Prezo Fr. francaj 40,— por jaro abono; por ĉiuj landoj.*

Laŭ la sciigo sur la titolpaĝo, la revuo aperos laŭ kvar trimonataj kajeroj, kiuj prezentos ĉiujare volumon de almenaŭ 320 paĝoj inoktavaj. La gvidkomitato konsistas el S-roj Bernard Lavergne, Profesoro ĉe la Universitato de Lille, Frits Kern, Profesoro ĉe la Universitato de Bonn W. E. Collinson, Profesoro ĉe la Universitato de Liverpool, Louis Bastien, Generalo Intendanto. Gaston Waringhien, Profesoro ĉe la Liceo de Lille. La revuo prezentas artikolon pri Charles Gide, la fama franca ekonomiisto mortinta pasintan jaron; tradukon de artikolo de Charles Gide pri la Respublikoj de la Jezuitoj en Paragvajo; tradukon de artikolo de D-ro P. Jacob pri la Efikoj de la Ekonomika Krizo sur la Spirita Vivo en Germanujo; tradukon de artikolo de André Siegfried, membro de la Franca Instituto, pri la Franca Karaktero vidalvide al la Moderna Mondo; por fini: Analizojn kaj Recenzojn.

La revuo aspektas bona, kvankam sufiĉe oftaj preseraroj estas forigindaj. La stilo tro sklave sekvas la francajn originalojn kaj gajnus multe esti ekzamenata de alilingva sperta Esperantisto antaŭ la presigo. Ni deziras al la nova revuo longan kaj fruktoriĉan vivon.

*Selma Lagerlöf: LA INFANOJ DE BETLEHEM. Eld. Soc. Esperanto, Stockholm. Prezo: sved. kr.: 0.75.*

Unu el la plej alte taksataj verkoj de la sveda verkistino Selma Lagerlöf estas Kristlegendoj. Ĉar la sveda esperanto-eldonejo havas la intencon en la unua vico eldoni kelkajn aliajn el ŝiaj verkoj, ĝi elektis unu el la plej belaj legendoj kaj aperigis ĝin aparte. La infanoj de Betlehem estas delikata kaj kortuŝa rakonto pri la venko de bono super malbono.

*Einar Dahl: HURU LEDER MAN FORTSATTNINGSKURSER I ESPERANTO? (Kiel oni gvidas daŭrigajn kursojn en Esperanto?) Gvidilo por studgvidantoj. Numero I en la serio: Helplibroj de Sveda Esperanto-Federacio. Eldonis Eld. Soc. Esperanto, Stockholm. 40 paĝ., 12×18,5 cm. Prezo: sved. kr. 1.—.*

Sveda Esperanto-Federacio komencis eldoni serion de praktikaj helplibroj por la organiza laboro. La unua libro pritraktas la organizon kaj la gvidon de daŭrigaj kursoj. Ĉar la organizo de kursoj varias laŭ la landoj, la libro estas verkita en la sveda lingvo.

*I. STALIN. REZULTOJ DE LA UNUA KVINJARA PLANO. Raporto de la Unuigita Plenkunsido de Centra Komitato kaj Centra Kontrol-Komisiono de TKP (b) la 7an de januaro 1933. Eldonis Ekrelo, Leipzig, 1933. Tradukis el rusa lingvo: KK. V. Vozdviĵenskij, P. Gavrilov, E. Svedova. Lingve kontrolis: V. Polakov. Paĝoj: 48. Formato: 12×16,5 cm. Prezo: RM. 0.25.*

La leganto trovos en la broŝuro, pledon « pro domo » kiu celas pravigi la kvinjaran planon, pruvi ke ĝi ne nur estis efektivigebla, sed parte estas efektivigita; ĝi celas klarigi kial nur parte kaj ne tute oni realigis ĝin. Ne estas necese diri ke oni aŭdas nur unu sonon, nome la optimisman. La fundo de la rezonado revenas ĉiam al la sama punkto: kie antaŭe estis nenio, estas nun io, do la kvinjara plano sukcesis. La lingvo uzita estas sufiĉe neologisma kiel decas al renovigantoj de la ideoj. Tiu emo tamen kelkfoje malice ridindigas la tradukintojn. Tiel ni trovas ke: « Rilate produktadon de elektro-energio, ni estis sur la plej lasta loko. Nun ni okupas unu el la *primaraj* lokoj. » La vorto « primara » laŭ la internacia uzado, tute ne signifas: « unuaranga, unuaklasa ». Ĝi signifas: « unuaŝtupa, komenca » kaj figure: « neperfektiĝinta, neevoluinta, neinstruita, needukita » ktp. ĉiuj nuancoj de unuaŝtupa stato. Tiel oni povus diri ke « la sono de strangaj nekompreneblaj vortoj, ĉiam allogas la primarajn homojn. » La konstato ke la produktado de elektro-energio okupas primaran aŭ unuaŝtupan lokon ne estas do komplimento.

*WORTERBUCH ESPERANTO-DEUTSCH de D-ro Emil Pfeffer, enhavanta ĉiujn radikojn oficialigitajn de la Esperanto-Akademio, samkiel la plej kutimajn fakesprimojn. Kvina kompletigita eldono. 19 ĝis 21a mila. Eldonis Steyrermühl Verlag, Tagblatt Bibliothek, Leipzig, Wien, Berlin. Paĝoj: 48. Formato: 12×19 cm. Prezo RM. 0.30.*

*WORTERBUCH DEUTSCH-ESPERANTO de D-ro Emil Pfeffer kun 20.000 germanaj vortoj, kaj 30.000 Esperanto-tradukoj. Kvara, kompletigita eldono. 14 ĝis 16a milo. Eldonis Steyrermühl Verlag. Tagblatt Bibliothek, Leipzig, Berlin, Wien. Paĝoj: 184. Formato: 12×19 cm. Prezo: RM. 1.20.*

La vortaretoj sin prezentas ĉiam egale bone prizorgitaj kaj la multmila eldonocifero estas la plej bona pruvo pri ilia valoro kaj dezirateco.

*GAJA LERNOLIBRO DE ESPERANTO POR MEMINSTRUADO de C. Walter kun bildoj de Peter Thienhaus. Eldonis C. Walter, Berlin, 1932. Paĝoj: 118. Formato: 15×21 cm. Prezo: RM. 1.75 aŭ 7 respondkuponoj poŝtaj aŭ de U.E.A. Ankaŭ havebla en 7 kajeroj po RM. 02.5 aŭ unu respondkupono.*

Tre bele prezentita kaj per agrablaj bildoj ilustrita lernolibro. Ĝi bone prizorgas la diversajn punktojn kiuj povus kaŭzi malfacilaĵojn al la komencantoj. Ĝi estas uzebla en ĉiuj landoj, ĉar la naciaj lingvoj estas uzataj nur en la antaŭparolo por montri la direkton sekvotan en la instruado aŭ la lernado. Ni varme rekomendas ĝin kaj konsilas ĝian uzadon, ĉar la tekstoj estas gajaj kaj plifaciligos la venkon pri la unuaj lingvaj malfacilaĵoj en la kursoj.

*LA ESPERANTO-KLUBO, de Ernfrid Malmgren. 48 paĝ. Eldonis Eldona Societo Esperanto s.p.r., Stockholm, Svedlando. Prezo 1 sved. kr.*

La libro — uzebla ne nur en Svedlando donas konsilojn pri fondo de Esperanto-klubo, kaj ĝi prezentas utilajn proponojn por la kluba vivo, speciale pri la malfacilaĵoj aranĝi la laboron de la klubo en amuza sed samtempe efika maniero.

*AŬSTRIO. — Dekdu-paĝa faldfolio ilustrita dediĉita al la Jubilea Kongreso la XXV-a Universala Kongreso de Esperanto en Köln 1933. Eldonis la Ministerio por Komerco kaj Trafiko, Vieno. Menciinde estas ke por ĉiuj eldonoj (franca, angla, germana, itala, ĉeĥa, k.p.) sur la titolpaĝo kaj krome aparta rimarko sub la landkarto estas nur en germana, franca, angla kaj por ĉiuj aliaj lingvoj: en Esperanto. Mendebla kontraŭ alsendo de 1 respondkupono al la Ministerio supreciitita.*

# TABELO DE ENHAVO